# Etnismo

ISSN0939-8724

N-RO 76 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 01.06.2005



*De-long dòu Rose, entre li pibo*
*E li sauseto de la ribo,*
*En un paure oustaloun pèr l'aigo rousiga*
*Un panieraire demouravo,*
*Qu'emé soun drole pièi passavo*
*De mas en mas, et pedassavo*
*Li canestello routo e li paniè trauca.*

Laŭlonge de la Rodano, inter poploj
Kaj salikejoj de la riverbordo,
En malriĉa dometo de akvo rongita
Korbisto loĝis
Kiu, kun sia filo poste iris
De farmdomo al farmdomo, kaj riparadis
La rompitajn kaj truitajn korbojn.

El *Mirejo* de *Frédéric Mistral*
Ilustraĵo de *Eugène Burnand*
*Eugène Burnand,* vaŭda pentristo, naskita en *Moudon,* Svislando (1850-1921), enamiĝis al Provenco kaj proponis al *F. Mistral* ilustri Mirejon.
F. Mistral entuziasmiĝis kaj luksa eldono aperis en 1884 ĉe Hachette. La supra akvaforto, gravurita en 1880 kaj destinita al ilustrado de la poemaro Mirejo, tamen ne apartenas al la 25 bildoj de la eldonaĵo male al la ĉi-suba.



*Arlezaninoj, la modelo al Mirejo estis la edzino de Burnand*

## *En tiu ĉi numero:*

*Renée Triolle*

# Frédéric MISTRAL kaj la provenca lingvo

***Ĉar en 1904 Frédéric Mistral ricevis la Nobelpremion pri literaturo (kune kun eŭska verkisto - hispanlingva, ndr), la jaro 2004 elstarigis en diversaj lokoj lian rolon kiel defendanton de la regiona lingvo provenca, unu el la dialektoj de la okcitana lingvo, parolata en la suda duono de Francio kaj en 11 valoj de Alpa Italio[1].***



Fakte la juna *Frédéric* reagas kiel la juna Ludoviko, kiam lia patro, provenca parolanto, devigas sin alparoli la Markizon de *Barbentane* en la franca, simple ĉar li, simpla homo, alparolas nobelulon, *Frédéric* ofendiĝas kaj promesas al si ĉion fari por doni al la praa lingvo la saman statuson. Kaj li persisteme laboros por doni al la dialekto de la kamparanoj la necesajn ilojn de "vera" lingvo: verko de impona unulingva vortaro "*Lou Tresor dou Felibrige*" daŭros de 1879 ĝis ...1887! Sed por pruvi, ke tiu lingvo ne estas pura elpensaĵo de tro optimista junulo, li verkas majstrajn verkojn de la monda literaturo "*Mireio*", 1859, "*Calendau*", 1867 ne parolante pri infanaj memoraĵoj kaj aliaj. Li mem verkas la tekston de la franca traduko. Cetere lia verko estas tradukita en dudeko da lingvoj, i.a. en esperanto.

### Organizo kaj organizaĵo

En 1857 la 21an de majo (ĉu hazarde tiu dato estas nun la tutmonda tago de kultura diverseco?), sep junaj provencaj poetoj kunfondas movadon *Felibrige* (verŝajne el la parolata latinida *fellebris* = mambebo). Ankoraŭ nun, tiu movado estas rigore organizita: ĉe la pinto, la t.n. *capoulie*, nun *Pierre Fabre*, instruisto pri la germana lingvo, kiu estras 50 *majourau*. La *Felibrige* dividiĝas inter 7 regionoj, pli malpli kongruaj kun la lingvo-regionoj de la okcitana (Aŭvernio, Katalunio-Rusiljono, Gaskonio-Bearno, Perigordo, Langvedoko, Limoĝio kaj Provenco). Interese estas, ke ne nur en suda Francio sed aliloke en la mondo iuj interesiĝas pri la provenca lingvo (oni kalkulas kvindekon da esploristoj en Germanio, Japanio, Italio ktp). Ĝi havas ĉiun jaron sian kongreson en iu urbo. Tiu kongreso nomiĝas *Santo Estello* (= Sankta Stelo) ĉar la stelo iĝis simbolo, ne kvinpinta kiel en esperanto sed seppinta memore al la 7 fondintoj. Je pli malgranda skalo, ĝi similas al la UK de UEA kun laborkunsidoj, kultura festivalo kaj la plezuro retroviĝi por paroli komunan lingvon.

### Kion celas hodiaŭ *Felibrige* kaj parolantoj de la provenca lingvo ?

Tion, kion ni celas en esperanto: ke homoj praktiku ĝin (kvankam ĝi estas nur dua lingvo iom vivanta en kelkaj foraj vilaĝoj de Piemonto); ke la oficialaj instancoj rekonu la rajton uzi kaj instrui ĝin, de la infanĝardeno al la universitato, sed estas nur manpleno de bonvolemaj instruantoj (eĉ se ekzistas oficiala instrudiplomo de la provenca), ke ĝi diskoniĝu per radio aŭ televid-elsendoj (ĝi rajtas kvaronhoran elsendon ĉe la 3a, regiona nacia televidkanalo, *France3*), ke la parolantoj de variaĵoj de la okcitana lingvo ne batalu inter si sed respektu la lingvan diversecon[2], ke ĝi kulture pluvivu kaj diskoniĝu per Floraj Ludoj, ĉiun sepan jaron, kaj diversaj literaturaj konkursoj (iel en la spirito de la Belartaj Konkursoj de UEA aŭ aliaj esperantopremioj) por malkovri novajn talentojn en diversaj artaj branĉoj.

Kiel la esperantistoj la *Felibrige* argumentas pri la rolo de la lingvo kiel atestilo de propra kulturo, la bezono senti sin alkroĉita al siaj radikoj por pli bone evolui en pli malcentrigita Francio kaj plilarĝiĝanta Eŭropo, en la respekto de ĉies lingvoj kaj kulturoj .

Mia avino flue parolis la provencan lingvon, kaj flue la francan, kiun ŝi lernis en la lernejo, sed ŝi sakris nur en la provenca. Mia patro ankoraŭ iom parolis ĝin kun kamparanoj. Mi mem ne plu parolas ĝin, lernis ĝin en la liceo, kaj kapablas nur kompreni skribajn tekstojn. Dankojn *Mistral,* kiu lasis al ni tiujn epopeojn aŭ dramojn. ***R. T.***




*Maillane*/*Maillano*, kie *Mistral* naskiĝis kaj mortis (en *Le Mas du Juge*, Farmdomo de la juĝisto).

NOTOJ (red.)

1. Oni uzas la okcitanan ankaŭ en Aranvalo (Suda Katalunio), meze de Pireneoj. Tie ĝi plu estas la ĉiutaga lingvo de la plimulto, kaj okupas oficialan lokon interalie en la instrusistemo, apud la kataluna kaj kastilia. Temas pri formo de la gaskona dialekto.
2. Ekzistas ja bedaŭrinde fortaj disigaj tendencoj, kiuj emas konduki al la agnosko de pluraj malsamaj lingvoj; tio plej sentiĝas en Provenco, kie iuj parolantoj rifuzas la koncepton mem de okcitana lingvo kaj interalie malagnoskas la ortografion establitan de *Institut de Estudis Occitans* por la tuta okcitana lingvo.

(Vidu artikolon pri la okcitana p. 7)

*Alain Favre*

# *Mirèio, Frédéric MISTRAL*



*Mirèio* estas verko de junulo: kiam ĝi estis publikigita en 1859, *Mistral* havis nur 29 jarojn. Temas pri vera epopeo provenca en 12 kantoj, kiuj mem dividiĝas en strofoj 7-versaj. La lingvo aparte fluas, belegas, ege riĉas. Ekzemple en la unuaj du strofoj troviĝas du vortoj por la koncepto "juno", dum estas nur unu en la franca traduko. Same en la tuta verko pluraj vortoj indikas gregon, kaj refoje estas nur unu en la franca versio. Al tiu ĉi oni foje riproĉis, ke ĝi ege malpli belas, sed oni ne devas forgesi, ke *Mistral* uzis la francan nur kiel komprenigilon, kaj tute ne kiel beletrilon.

La kerna temo de la verko estas la amo inter du tre junaj homoj: *Mirèio* kaj *Vincèn*, respektive 15 kaj 16-jaraj. Sed *Mirèio* estas filino de sufiĉe riĉa kamparano, dum la patro de la knabo estas nura korbofaristo, virtoplena kaj honesta sed preskaŭ senhavaĵa. Tio kondukos al fina tragedio en romantika maniero tre normala en tiu epoko. Kio ne malhelpas, ke oni sentas fortan impeton en tiu verko, eble tiun de *mistral*, la norda vento, kiu foje terure trablovas tiun sud-rodanan regionon. Ja multaj mitoj kaj prodaĵoj enplektiĝas en la rakonto, kiu ne malsimilas mediteraneajn epopeojn, interalie tiujn de la fama Homero.

La verko estas dediĉita al la tre konata franca poeto *Alphonse de Lamartine*, tiutempe jam sufiĉe maljuna, sed kiu tre entuziasmiĝis pri la juna provenca verkisto kaj ties unua libro. Kvankam delonga loĝanto de Parizo, *Lamartine* tute ne havis antaŭjuĝojn pri la uzo de minoritata kaj eĉ malestimata lingvo. Male li diris, ke li sufiĉe bone komprenas ĝin pro sia propra deveno: efektive li naskiĝis en *Mâcon*, kie la etna lingvo estas la francprovenca, idiomo tute proksima al la okcitana. En sia strebado por renovigi la provencan *Mistral* kaj la *Felibrige*-anoj (=felibroj) spertis ortografian dilemon: ĉu resti pli proksime al la etimologio kaj gramatiko tiel uzante pli vaste kompreneblan skriban lingvon, ĉu apliki sistemon pli fonetikan… Finfine ili elektis la lastan solvon, ankaŭ pro la kutima ĉeesto de franca traduko. Fakte, tra sia longa verkista kariero, *Mistral* iel ŝanĝis sian skribmanieron. Kvankam oni poste kreis la *I.E.O.*-sistemon, kiu valoras por la tuta okcitana, multaj homoj, ĉu pro lokismo kaj rifuzo de "tut-okcitaneco", ĉu pro admiro kaj fidelo al la granda provenca verkisto, plu uzas la mistralan ortografion, cetere fiksitan en ampleksa vortaro. *Mirèio* ja havis grandegan sukceson. Ne hazarde, de tiu epoko, multaj inaj novnaskitoj ricevis tiun antaŭnomon en franca formo *Mireille*, kaj ne nur en Provenco. *Mistral* kaj aliaj felibroj provis profiti la renovigon de la provenca literaturo por enkonduki la lingvon en la lernejojn. Sed la franciaj registaroj de la tria respubliko (ekde 1871) tion daŭre rifuzis. La ricevo de la Nobelpremio, en 1904, ne povis ŝanĝi la situacion: en tiu epoko necesis savi la minacatan grandon de Francio kaj ĉefe rekapti la francegan teritorion Elzaco-Loreno, kie la homoj plejmulte parolis… ĝermane kaj de jarcentoj skribe uzis la altgermanan. ***A.F.***

Ĉi sube troviĝas la unuaj du strofoj de la verko *Mirèio*, en originala versio sekvata de iom laŭvorta traduko – ekzistas ja pli beletraj, sed ni ĉefe celas doni ideon pri la lingvo mem. Aldone tiuj komencaj strofoj tre bone prezentas la kadron de verko, kiu en pli "normalaj" kondiĉoj povintus konsistigi solidan bazon por relanĉi lingvon, kiu finfine ĝis nun plejofte restas *mespresado*.

*Cante uno chato de Prouvenço.*
*Dins lis amour de sa jouvènço,*
*À travès de la Crau*, vers la mar, dins li blad,*
*Umble escoulan dóu grand Oumèro,*
*Iéu la vole segui. Coume èro*
*Rèn qu'uno chato de la terro,*
*En foro de la Crau se n'es gaire parla.*

*Emai soun front noun lusiguèsse*
*Que de jouinesso; emai n'aguèsse*
*Ni diadèmo d'or ni mantèu de Damas,*
*Vole qu'en glòri fugue aussado*
*Coume uno rèino, e caressado*
*Pèr nosto lengo mespresado,*
*Car cantan que pèr vautre, o pastre e gènt di mas!*

Mi kantas junulinon de Provenco.
En la amoj de ŝia juno,
Tra Kraŭo*, al la mar', en tritikoj,
Humila skolano de la granda Homero,
Mi volas ŝin sekvi. Ĉar ŝi estis
Nur junulino de la tero,
Ekster Kraŭo pri ŝi oni poke parolis.

Kvankam ŝia frunto brilis
Nur pro juneco; kvankam ŝi havis
Nek oran diademon nek damaskan mantelon,
Mi volas, ke en gloro ŝi altiĝu
Kiel reĝino, kaj karesiĝu
Per nia lingvo malestimata,
Ĉar ni kantas nur por vi, ho paŝtistoj kaj farmdomanoj!

**La Crau / Kraŭo: gruza ebenaĵo de sudokcidenta Provenco.*



# Okcitanoj kaj Katalunoj



**La Coupo**

*Provençau, veici la Coupo*
*Que nous vèn di Catalan;*
*A-de-rèng beguen en troupo*
*Lou ven pur de noste plant.*

*Coupo Santo*
*E versanto*
*Vuejo à plen bord*
*Vuejo abord*
*Lis estrambord*
*E l'enavans di fort!*

*D'un vièi pople fière e libre*
*Sian bessai la finicioun;*
*E, se toumbon li felibre*
*Toumbara nosto nacioun.*

*D'una raço que regreio*
*Sian bessai li proumié gréu;*
*Sian bessaide la patrio*
*Li cepoun emai li priéu.*

*Vuejo-nous lis esperanço*
*E li raive dòu jouvènt,*
*Dóu passat la remembranço*
*E la fe dins l'an que vèn.*

*Vuejo-nous la couneissènço*
*Dóu Verai emai dóu Bèu,*
*E lis àuti jouïènço*
*Que se trufon dòu toumbèu.*

*Vuejo-nous la Pouësìo*
*Pèr canta tout ço que véu,*
*Car es elo l'ambrousìo*
*Que tremudo l'ome en diéu.*

*Oni stariĝas por la lasta strofo.*

*Pèr la glòri dóu terraire*
*Vautre enfin que sias counsènt*
*Catalan, de liuen, o fraire,*
*Dommunien tóutis ensèn!*

*Frederi MISTRAL*

***Traduko:***
Provencanoj, jen pokalo
Kiu venas al ni el katalunoj:
En vico ni trinku kune
Puran vino de nia vito.

Sankta pokalo
Kaj plenplena
Verŝu ĝisrande
Verŝu abunde
Entuziasmoj
Kaj energio de fortuloj!

De antikva popolo fiera kaj libera
Eble ni estas fino
Kaj se falas la Felibroj
Falos nia nacio.

El raso kiu reĝermas
Eble ni estas unua kresko
Eble de la patrio
Ni estas ĉefoj kaj pilieroj.

Verŝu al ni esperoj
Kaj junulaj revoj,
De la estinto la rememoro
Kaj fido en la estonto.

Verŝu al ni la konon
De la Vero kaj la Bono,
Kaj la altaj ĝuoj
kiuj triumfas super tombo.

Verŝu al ni la Poezion
Por kanti ĉiujn okazaĵojn
Ĉar estas ĝi ambrozio
Kiu homo igas Dion.

Por la gloro de nia tero
Vi finfine komplicas
Katalunoj, el for, ho fratoj,
Ni komuniiĝu ĉiuj kune!

En 1887, la katalunaj *felibroj donacis al la provencaj felibroj arĝentan pokalon por danki ilin pro gastigado de la ekzilita poeto *Victor Blaguer*. La *Capoulié* de *Félibrige* tenas la pokalon kiu instigis poemon de Mistral kun sep strofoj, la *Coupo*, kiu fariĝos la himno de *Félibrige*.

*felibro, la membro de la movado *Félibrige*: *félibre*

---




*La ĝemeligoj inter katalunaj kaj okcitanaj urboj ofte malkovrigas komunan kulturon kaj vekas kaŝitajn sentojn*

*Georg Kremnitz*

# La okcitana en la formado de instruistoj kaj en la lerneja realo de suda Francio

## 1. Ĝeneralaĵoj

Kiam, en la unua triono de la 19-a jarcento, la latinida lingviko naskiĝis kiel scienca disciplino, tiam la okcitana troviĝis centre de la interesiĝo de la tiutempaj kreintoj de tiu fako. Ili nomis tiun ĉi lingvon ĉu *langue romane* [romanika lingvo] (*Raynouard*), ĉu *Provenzalisch* [provenca] (*Diez*). Kvankam la termino "okcitana" jam aperis en diversaj formoj (*Fabre d'Olivet*, *Rochegude*), ĝi venkis ĝenerale maljam en la dua duono de la 20-a jarcento. En tiu-ĉi lingvo, ekde la komenco de la 12-a jarcento, la trobadoroj estis kreintaj la unuan sekularan ne latinan lirikon en okcidenta Eŭropo, estis verkitaj, ekde la 13-a jarcento, la unuaj gramatikoj en popola lingvo, aperis, ekde 1102, la unuaj ne latinaj diplomoj en la areo de la latinidaj lingvoj. Tamen, la kultura kaj literatura florado de la nuna suda Francio estis bremsita, jam dum la 13-a jarcento, per la krucmilito kontraŭ la albigensoj aŭ kataroj konsiderataj herezuloj, kaj la iom-post-ioma transpreno de la regiono far la franciaj reĝoj plirapidigis la velkadon. Kvankam, jes ja, la okcitana restis ĝis la 20-a jarcento la ĉefa parolata lingvo kaj, jes ja, aperis diversaj renesancaj movadoj - la unua en la 16-a/17-a jarcento, la plej konata ekde la mezo de la 19-a jarcento - tamen la franca lingvo povis certigi al si, ekde la 16-a jc. la monopolon pri la skribata lingvo. Ĝi ankaŭ progresis precipe ekde la 18-a jc. kiel parolata lingvo kaj preskaŭ forpuŝis, dum la pasintaj 60 jaroj, la okcitanan el la ĉiutaga vivo. Intertempe ankaŭ la trajtoj de la tiel nomata "francitana" - termino kaŝanta la transirajn formojn inter la okcitana kaj la franca - malplifortiĝas en la parolata ĉiutaga lingvo. Male, la reprezentantoj de la renesanco-movado ekde la 19-a jarcento faras obstinan defendo-batalon; tamen, ĝi estas malhelpata per internaj malakordoj, kiuj temas, krom pri ideologiaĵoj, ankaŭ pri la problemo de referenca lingvo. Ankoraŭ hodiaŭ du sistemoj kontraŭstaras unu la alian: la sistemo *Roumanille-Mistral* kaj la sistemo *Roux-Perbosc-Alibert*. Ja estas, unuflanke, konstateblaj sukcesoj precipe en la kampo de kultura produktado, tamen la plimalgrandiĝo de la nombro de parolantoj povis esti - se entute - nur malpli rapidigata. Almenaŭ ekzistas hodiaŭ apud la nombre rapide malpliiĝantaj *primaraj* parolantoj, kiuj lernas la lingvon interkomunikante, pliiĝanta nombro da *sekundaraj* parolantoj, kiuj lernas la lingvon pro persona decido. Tamen, sekundaraj parolantoj kutime estas malpli ligitaj kun la lingvo ol la primaraj. La decido favore al la lingvo estas nuligebla, precipe se temas pri minoritata lingvo. La renesanco-movado fariĝis, ĉefe inter la 60-aj kaj la fruaj 80-aj jaroj de la 20-a jarcento, tutsocia fenomeno kun amas-karaktero; poste ĝi rapide kvietiĝis, kaj laŭ mia prijuĝo, tiuj ŝanceliĝoj dependas pli de la lingva anstataŭado, de la transiro al



la franca, ol de tagaktualaj politikaj eventoj.

La lingvo-teritorio de la okcitana ampleksas, malprecize, la sudan trionon de la nuna Francio, proksimume 200.000 km$^2$. Aldoniĝas du malgrandaj periferiaj regionoj, kiuj tamen gravas en la aktuala situacio: *Val d'Aran* en Katalunio, la fontejo de la Garono, kaj la okcitanaj valoj de la orienta deklivo de la Alpoj en Piemonto, ĉar en ambaŭ regionoj la okcitana havas hodiaŭ leĝe pli bone garantiatan pozicion ol en Francio. Aldonendas la loko *Guardia Piemontese* en Kalabrio, kie ankoraŭ hodiaŭ estas parolata la okcitana. La iamaj "kolonioj" en Germanio, precipe en Virtembergo kaj Heslando, jam delonge estingiĝis: la lastaj parolantoj mortis ĉirkaŭ 1940. En la argentina urbo *Pigüé*, en 1997, ankoraŭ vivis kelkaj maljunuloj kun lingvokonoj, sed la lingvo ne plu ludis socian rolon. Se ekzistintas ceteraj okcitanaj kolonioj en elmigrintejoj, tie la situacio probable estas sama.

Tiu ĉi grandega regiono, tra kiu tiriĝas tri montarmasivoj (la Alpoj, la Pireneoj kaj la Centra Montaro), supozigas klaran spacan strukturiĝon, kaj la neekzisto de ĝenerale agnoskita lingva referenca formo tra la tuta nuna epoko eĉ plifortigis la tendencon al diferencigo. Ĝenerale nuntempe distingiĝas tri grandaj lingvaj variaĵoj: la *nordokcitana*, la *sudokcitana* kaj la *gaskona*. La sudokcitana subdividiĝas en la langvedokan kaj provencan, la nordokcitana en la limoĝian, aŭvernjan kaj alpan. Tamen, la forta malpliiĝo de la nombro de primaraj parolantoj malpligravigas tiujn distingojn, pri kio multaj defendantoj de la okcitana ankoraŭ ne konscias. Tial la disputoj pri referencaj formoj kaj ilia spegulad-fideleco daŭras, kvankam estas konate, unuflanke, ke *ĉiu* skribata lingvo havas *aliajn* interkomunikajn funkciojn ol la respektiva parolata lingvo kaj ke, aliaflanke, ŝajnas iom absurde transdoni al lingvaj novicoj lingvoformon kiu kapabligas ilin maksimume por loka interkomunikado kaj rifuzas al ili la interkomunikajn eblojn de la okcitana. Ĉiu lingvo servas samtempe al komunikado *kaj* al apartigo, sed se la dua elemento eksuperregas, por la plej multaj lernantoj la allogeco de lingvo rapide malpliiĝas.

Ĉar en la respublika Francio, ĝis antaŭ nelonge, ne ekzistis oficiala enketo pri la lingva praktikado, la nombro de la parolantoj plu estas granda nekonataĵo. *Jules Ronjat* ja povis ankoraŭ en 1920 indiki 10 milionojn da parolantoj (aliaj taksoj estis pli altaj), bazante sin precipe sur la nombro de la enloĝantoj, sed ĉiuj postaj taksoj devis konsideri grandajn perdojn kaj konscii pri tio ke ekde la Dua Mondmilito fakte ne plu ekzistis unulingvaj parolantoj. Tiel *Robert Lafont*, en 1971, proponis diferencigon inter "plentempaj, laŭokazaj kaj eventualaj parolantoj", al kiu aldoniĝu neparolantoj kun lingva substrato kaj absolutaj neparolantoj. Tiutempe, li taksis en la unua kategorio inter unu kaj du milionojn kaj parolanto-eventualon de ok milionoj. Maljam en la 90-aj jaroj okazis kelkaj profesiecaj enketoj en grandetaj partoj de la lingvo-teritorio (precipe en Langvedoko kaj Akvitanio), kaj en 2002 la Nacia Statistika instituto publikigis unuajn rezultojn de la censo el 1999, kiu unuan fojon post longa tempo enhavis ankaŭ prilingvan eron. Se oni kredas tiujn ĉi nombrojn, proksimume 500.000 personoj pli malpli regule parolas la okcitanan, al kiuj aldoniĝas proksimume unu miliono, kiuj laŭokaze utiligas la lingvon. Tiuj ĉi enketoj ne diferencigas inter primaraj kaj sekundaraj parolantoj, tiel ke ne klaras kiugrade la biologiaj perdoj estas malakrigataj per sekundaruloj. Tio ludas rolon, ĉar la kompetentec-profiloj de la sekundaruloj ne nur absolute diferencas de tiuj de la primaruloj, sed ankaŭ rilate la unuopajn partokompetentecojn. Por atentema observanto evidentas ke multaj el la nuntempaj parolantoj estas lingve malcertaj.

## 2. Pri la lingva politiko de Francio

Estas konate ke jam en 1539 la franca reĝo, Francisko la Unua, fiksis la oficialan monopolon de la franca lingvo en la Ordono de *Villers-Cotterêts*. La Revolucio post heziteto transprenis tiun ĉi restriktan lingvopolitikon. La enkonduko de ĝenerala deviga lernej-frekventado ekde 1882 provis efektivigi tiun ĉi monopolon de la franca, kaj fakte ĉie estas konstatebla malpligrandiĝo de la nombro de parolantoj [de la aliaj lingvoj], kiam la deviga lernejo-frekventado estas venkinta en la socio. Tamen, la situacio ne estas unueca: Tiu ĉi politiko ĉie renkontas obstinan kontraŭstaron, tiel ke ĉie kaj ĉiam denove estas farataj lernejaj eksperimentoj kaj esceptoj, kiuj provas enkonduki la regionajn lingvojn en la publikan vivon.



*La franciigo de la okcitanaj urbonomoj celas kaŝi kiom eble plej iun ajn okcitanlingvan signifon.*

Sed maljam la registaro de *Vichy* malfermas la pordegojn al la "lokaj lingvoj", kio igas la Kvaran Respublikon fari similan paŝon per la leĝo de la 11-a de januaro 1951 (*Deixonne*-leĝo). Tiu ĉi leĝo agnoskas nominale kvar el la en Francio parolataj minoritataj lingvoj, inter ili la okcitanan, kaj permesas, modestamplekse (ĉiusemajne unu lecionhoro), instruadon pri ili kaj pasigon de aldona ekzameno okaze de la abiturientiĝo. Estas karakterize ke tiu leĝo apenaŭ konsideras la elementajn lernejojn, en kiuj tiutempe la problemo ludas certan rolon: En 1951 ankoraŭ ekzistas infanoj enlernejigataj sen seriozaj konoj de la franca lingvo, sed en la elementaj lernejoj lingvoj estas instrueblaj, dum unu semajnhoro, nur posttagmeze en la tielnomataj gvidataj aktivecoj. La kontraŭloj de tiu leĝo povas trankvile spiradi post iom da tempo: Ĝiaj konsekvencoj estas unue modestaj, ĉar nelaste la instruadministracio ĉiurrimede konstraŭagas ĝin.

Aliaflanke, la simbola trarompo estas atingita, unua breĉo estas batita en la imagon pri *unulingva* respublika Francio. Ĉiuj postaj dekretoj kaj la malmultaj leĝoj bazas sin sur la *Deixonne*-leĝo. Sed jes ja, nur tre malrapide ekestas plibonigoj, kaj la malpligrandiĝo de la parolanto-nombro preskaŭ ĉie plirapidas. La rifuzo-sinteno de la plej multaj ŝtataj aŭtoritatoj rezultigas ekeston, en 1979, de privata okcitana lerneja sistemo: la *Calandretas* ("Alaŭdoj"). La potencotransiĝo kaj la prezidanteco de *Mitterrand* naskas en 1981 la unuan oficialan provon, per la *Giordan*-Raporto, percepti la problemon de la minoritataj lingvoj kaj kulturoj en interrilato. *Giordan* postulas politikon de "historia riparo" favore al tiuj ĉi lingvoj kaj kulturoj. Li ja sukcesas premante ekigi unuan publikan diskutadon, sed, fine, lia Raporto restas konsiderinde sensekva. Ĉiukaze, la tiama ministro pri edukado, *Alain Savary*, eldonas dekreton kiu antaŭvidas klaran plivastigon de la ebloj de lingvoinstruado (tamen, ĉiukaze sur la bazo de la "duobla libervolo" de la lernantoj respektive ties gepatroj kaj de la instruistoj) inkluzive de starigo de dulingvaj lernejaj eksperimentoj, kiuj estas evidenta provo de repliko al la privataj minoritataj lernejoj. La nombro de tiuj eksperimentoj restas tre modesta kaj ilia geografia distribuiĝo tre neregula. Sed tra la postaj jaroj ĉiam denove aperas dekretoj de la respektivaj ministroj, precipe de *Bayrou* en 1995 kaj de *Lang* en 2001, kiuj signifas certajn plibonigojn. Aliaflanke la limigo de lingvoinstruado en la duagradaj lernejoj ripete rezultigas nepluekziston de la ĵus malfermitaj vojoj. Gravan cezuron signifas la regionigaj leĝoj de 1982/83 (*Defferre*-leĝoj), per kiuj estas ceditaj al la francaj regionoj politikaj (kaj kulturaj) kompetentecoj. En kelkaj regionoj sekve ekestas (modesta) subteno por la minoritataj lingvoj, kiuj metamorfozas de "lokaj" en "regionajn" lingvojn. Ankaŭ simbola paŝo estas la enkonduko de okcitana *CAPES* (Atesto pri Pedagogia Kapableco en la Duagrada Instruado), t.e. speciala konkurso por instruistoj pri la okcitana, en la lernojaro 1992/93. Per tio la okcitana estas agnoskita kiel oficiala lerneja lingvo. Tamen, estas registreblaj ne nur progresoj: Kvankam Francio subskribas en 1999, post longaj antaŭpripensoj, la Eŭropan Ĉarton de la Regionaj aŭ Minoritataj Lingvoj, pro verdikto de la Konstitucia Konsilio ne rezultas ratifo, kaj almenaŭ sub la nuna registaro ĝi ne estas atendebla. La diskuto pri tiu ĉi ratifo montris ke la francan publikon fendas profundaj kontraŭdiroj, kiuj estas nur parte racie eksplikeblaj. Tiel, la konstituci-juristino *Florence Benoît-Rohmer* povas titoli, en la jaro 2001, eseon iom dubsence "*Les langues officieuses de la France*" ("La duonoficialaj lingvoj de Francio"). Malgraŭ malpli-grandiĝantaj parolanto-nombroj, ia instituciigo estis atingita. Eventuale ankaŭ la *Kunsidoj de la Lingvoj*, okazintaj la 4an de oktobro 2003 en Parizo, indikas tian novorientiĝon.

### 3. La okcitana en la lerneja sistemo kaj en la formado de instruistoj

Eble gravas atentigi pri la fundamenta enhava ŝanĝiĝo de la bazoj de la instruado de la okcitana dum la pasintaj 25 jaroj: Tiu instruado, ekde sia hezita enkonduko en la 50-aj jaroj, celis precipe alfabetigon kaj kulturan edukon de lernantoj bone aŭ eĉ flue regantaj la lingvon; intertempe apenaŭ plu ekzistas infanoj, kiuj havas pli malpli sekuran lingvan kompetentecon, kiam ili komencas la instruiĝon pri la okcitana: Plej ofte, ili devas hodiaŭ lerni la lingvon kiel alian lernejan fremdan lingvon. Tio, kompreneble, havas sekvojn koncerne la formojn kaj enhavojn de la instruado.

Necesas diferencigi inter la privataj *Calandretas* kaj la ŝtata lerneja sistemo. Kvankam en la *Calandretas* estas instruataj nur proksimume 2.000 gelernantoj (preskaŭ ĉiuj en klasoj respondaj al la germanaj elementlernejaj), la ŝtata lerneja sistemo ĉiam denove reagas al iliaj sukcesoj: Ili estas granda defio. Tial havas sencon unue okupiĝi pri la *Calandretas*.

En 1979 aro da okcitanistaj gepatroj fondis privatan entreprenon, kiu estas hodiaŭ, probable, la plej solida strukturaĵo en la kampo de la okcitanismo kaj intertempe akiris ŝtatan agnoskon, kiu kaŭzis partan financan malŝarĝon. La ŝtato pagas tamen nur la salajrojn de tiuj instruistoj, kies postenojn ĝi aprobis. Kompleta integriĝo en la ŝtatan lernejan sistemon, diskutita en 2001, fine ne efektiviĝis pro kontraŭdiro



*Jen la ruinoj de **Quéribus**, la lasta fortikaĵo de la kataroj (albigensoj) konkerita, en 1255, far la posteuloj de krucmilitistoj. Tiu ĉi konstruaĵo estas monumento pri la historio de la lingvo kaj kulturo okcitanaj same kiel **Montségur**.*

de la Konstitucia Konsilio. Verŝajne oni devas nomi tiun ĉi evoluon feliĉa, ĉar, probable, la ŝtatigo signifintus la finon de la pedagogia libereco, kiu, por multaj gepatroj, igas la *Calandretas* allogaj. La origina principo de la *Calandretas* estas la okcitana unulingveco dum la instruado (mergiĝo); la franca lingvo estu enkondukata en la instruadon maljam en posta paŝo. Ĉar hodiaŭ praktike ne plu ekzistas infanoj

posedantaj la okcitanan kiel - eĉ nur duan - denaskan lingvon, la instruistoj povas efektivigi tiun principon nur iomete. Ĉiukaze la instruado okazas en ĉiuj fakoj grandparte en la okcitana. La celo estas atingi fine de la elementlerneja tempo fluan kompetentecon en la okcitana. Laŭ miaj observoj, tiu ĉi celo estas altagrade atingata. la granda problemo estas la manko de duagradaj lernejoj. Ja estas aligita internulejo al la unusola *Collège Léon Cordes*, sed la nombro de ĝiaj gelernantoj ampleksas malpli ol 5 procentojn de la tuta lernantaro. Multaj infanoj devas, do, post la tempo en la antaŭlernejo (*maternelle*) kaj en la elementa lernejo (kiu ampleksas en Francio kvin jarojn) transiri al ŝtataj (aŭ aliaj privataj) lernejoj kaj kutime perdas la akiritan praktikadon de sia dulingveco. Aldoniĝas ke la pedagogiaj bazoj de la *Calandretas* estas ege influataj de la reformpedagogio, precipe de la *Freinet*-pedagogio unuaranga en Francio. Ankaŭ ties avantaĝoj perdiĝas, kutime, por la gelernantoj en la ŝtata lerneja sistemo, dum estas precize tiuj pedagogiaj principoj, kiuj portas al la *Calandretas* multajn gelernantojn ne originantajn en okcitana aŭ okcitanisma medio. Alia, komence tre akuta problemo estas dume venkita: la grandskala manko de lerniloj, precipe lernolibroj en la cel-lingvo.




*En pluraj franciaj lernejoj ankoraŭ legeblas la devizo "parolu la francan, estu puraj". Tiu ĉi foto estis prenita en Aigua Tèbia, francia Katalunio.*

Kvankam ekde la komenco ja ekzistis aro da elementlernejaj instruistoj engaĝitaj en la okcitanismo kaj akceptantaj la necertan karieron de instruisto en paralelaj strukturoj, la instruantaro konsistis unue precipe el libervoluloj ofte kompensantaj la mankantajn fakajn konojn per vervo. Ekde la 90-aj jaroj ekzistas en *Béziers* la Supera Instituto de la Lingvoj de la Franca Respubliko (*Centre APRENE* [= LERNI], en kiu estas koncentrita la formado de la instruistoj en minoritataj lernejoj en tuta Francio. Sed inter la junaj generacioj intertempe montriĝas lingvaj kompetentec-problemoj.

La gelernantoj de la ŝtataj lernejoj povas elekti la okcitanan kiel (kutime duan aŭ trian) "fremdan lingvon" en diversaj branĉoj. La gelernantoj povas frekventi dulingvajn klasojn tie, kie tiaj ekzistas. Origine oni celis samkvantecon de ambaŭ lingvoj, sed intertempe la okcitana parto ege ŝrumpis: Ĝenerale oni instruas en la okcitana, krom la lingvo, nur unu aŭ du fakojn. Cetere, la reto de ĉi tiuj lernejaj eksperimentoj estas tre vastmaŝa kaj malegala. Ankaŭ en la infanvartejo kaj en la elementa lernejo oni povas instrui la okcitanan. Tiel, principe, infano havas la eblecon lerni konstante en tiu ĉi lingvo ekde la infanvartejo ĝis la abiturientiĝo kaj tiel atingi konsiderindan kompetentecon. Praktike, tia kontinueco estas, pro la jam menciita principo de duobla libervoleco, nur escepte realigebla. Ankaŭ la kreo de la *CAPES* en 1992/93 ĝis nun ne kondukis al sufiĉa nombro da instruistoj. Gravas konstati ke ankoraŭ ĉiam multego dependas de la iniciatemo de unuopuloj kaj ke la administracio en la plej multaj kazoj plu provas malfaciligi kreon de okcitanlingva instruado, kiu, evidente, nature komplikas la organizadon. Ŝajnas ke nova sinteno povas ekregi nur iom post iom kaj nur parte.

Malfacilas ekhavi klaran ideon pri la nombro de tiuj gelernantoj, kiujn okupas la instruado pri la okcitana. Koncerne la komencon de la 90-aj jaroj ekzistas oficiala statistiko, kiu indikas 66.000, el kiuj 13.000 estis en duagradaj lernejoj. Laŭ ĉiuj aktuale disponeblaj informoj, ĉi tiuj nombroj (kiuj ja signifas malgrandegan procentaĵon de la kompleta lernantaro) hodiaŭ ne plu estas atingataj. Sed la tendencoj estas tre diversaj. Eventuale iom riska takso indikus nuntempe proksimume du trionojn ĝis tri kvaronojn de la tiutempa nombro. Precizaj nombroj ne estas haveblaj, kaj ja estas indiferente, ĉu temas pri 40.000 aŭ 70.000 gelernantoj: Ĉiukaze tio esta ekstreme malgranda nombro kompare kun tiu de la totalo de la lernejaj infanoj.

La formado de la elementlernejaj instruistoj okazas nuntempe en la Universitataj Institutoj por Formado de Instruistoj de la diversaj universitatoj, kie, jes ja, nur malmultaj kursoj estas instalitaj; parte pro la malsufiĉo de la strukturoj estis fondita la menciita *Centre APRENE*. La preparado por la *CAPES* estas afero de la diversaj universitatoj. Fakte, la universitatoj de *Montpellier*, *Toulouse*, *Bordeaux*, *Aix*, *Nice* kaj *Pau* ludas gravan rolon, tiuj de la nordo nur modestan. Aldoniĝas tiu de Parizo. La diversaj universitatoj havas diferencajn fokusojn, sed sekve de la enkonduko de la *CAPES* ĉie multe pliboniĝis la specifa formado de instruistoj. La fokusoj estas en lingviko kaj literaturo, kaj ambaŭ estas nature pliriĉigataj per landologiaj elementoj, t.e.precipe historiaj, sed ankaŭ politikaj kaj ekonomiaj aspektoj.

Ne ekzistas ampleksaj aktualaj esploroj pri la motiviĝo de la gelernantoj. Probable, krom la interesiĝo pri la regiono kaj ties kulturo, ludas rolon jenaj eroj:
- la relativa facileco de la lingvoakiro ankaŭ por tiuj lernantoj, kiuj apenaŭ disponas pri bazaj konoj:
- la ankoraŭ ekzistanta ebleco uzadi la lingvon ankaŭ ekster la institucio lerneja;
- la ligiteco kun la regiona vivo.

Videblas en multaj esploroj ke ege grava argumento estas la ofta aplikado de reformpedagogiaj metodoj kaj certagrada malrigideco de la etoso en la instruado. Lingvo- kaj kulturkonservaj argumentoj, kompreneble, malofte ludas rolon inter la gelernantoj kaj same nur jen kaj jen aperas inter la gepatroj; politikaj motivoj apenaŭ estas menciataj. Signifa, kvankam nur malofte formulita argumento plu estas, almenaŭ en la ŝtataj lernejoj, la impreso ke tiu instruado troviĝas iom "rande" de la normalaj aktivadoj kaj tial permesas pli

da libereco postulante samtempe pli da engaĝiĝo. Eble ne atendite alta estas la nombro de la gelernantoj origine eksterregionaj; eĉ enmigrintoj el aliaj kontinentoj ne estas raraj. Evidente ludas rolon la deziro pri integriĝo.

Same kiel antaŭe, la situacio de la okcitana estas malfacila en la francia lerneja sistemo. Precipe la lastatempa pli intensa naturscienca emfazado en la instruplanoj laŭtigas la demandon ĉu fakte la okcitana povos daŭre konservi sian pozicion. Grava argumento kontraŭ la okcitana estas la plue modesta kultura infrastrukturo: Ne ekzistas menciinda gazetaro, apenaŭ televidelsendoj, kaj ankaŭ en la radiostacioj la oferto estas plej ofte modesta; vera okcitana kinoproduktado fakte ne menciindas, kaj ankaŭ la teatro, post ekflorado en la 60-aj kaj 70-aj jaroj, malprogresas. La okcitana literatura produktado ja estas nuntempe relative vigla, sed multaj lernantoj estas forpuŝataj pro la manko de ligiteco al la ĉiutaga vivo. ***G. K.***



*Nadau, unu el la plej famaj okcitanismaj bandoj (www.nadau.com))*

<u>Selektita literaturo</u>:


- BEC. Pierre: La langue occitane; PUF, Paris, [6]1995.
- BEHLING, Günter: L'évolution de la transmission scolaire de l'occitan dans les années 1980-1990, <u>en</u>: CASTANO, Rossana/GUIDA, Saverio/LATELLA, Fortunata (éd.): Scène, évolution, sort de la langue et de la littérature d'oc. Actes du 7ème Congrès International de l'AIEO, Reggio-Calabria-Messina, 7 - 13 juillet 2002; Viella, Roma, 2003, p. 815 -828 (vol. II).
- BERLIOZ, Jacques (éd.): Le pays cathare. Les religions médiévales et leurs expressions méridionales; Seuil, Paris, 2000.
- BOYER, Henri/GARDY, Philippe (éd.): Dix siècles d'usages et d'images de l'occitan. Des Troubadours à l'Internet; L'Harmattan, Paris, 2001.
- CZERNILOFSKY, Barbara: Regionale Sprachenpolitik in Europa. Südtirol und Languedoc-Roussillon: zwei Eckpunkte? Ed. Praesens, Wien, 2000.
- GIORDAN, Henri: Démocratie culturelle et droit à la différence. Rapport au ministre de la culture; La Documentation Française, Paris, 1982.
- KREMNITZ, Georg: Zur Situation des Okzitanischen 1995, <u>en</u>: [la sama:] Sprachen in Gesellschaften; Braumüuller, Wien, 1995.
- KREMNITZ, Georg: Perspectives pour l'occitan et les autres langues minoritaires en France, ou possibilités et limites des politiques linguistiques, <u>en</u>: Gourc, Jacques/PIC, François (éd.): Toulouse à la croisée des cultures. Actes du Vème Congrès International de l'AIEO, Toulouse, 19 - 24 août 1996; AIEO, Pau, 1998, p. 687 - 694.
- LAFONT, Robert: Autonomie. De la région à l'autogestion; Gallimard, Paris, 1976.
- LAFONT, Robèrt: Petita istòria europèa d'Occitània: El Tribucaire, Canet, 2003.
- LAVELLE, Pierre: Occitanie, histoire politique et culturelle: IEO, Toulouse, 2004.
- <u>La okcitana sur la reto</u>: <http://occitanet.free.fr/fr/index.html>
- <u>Verboj de pluraj okcitanaj dialektoj:</u> <http://occitanet.free.fr/ling/conjocreg.htm>


***D-ro Georg Kremnitz**, katedrulo pri latinida lingviko en la universitato de Vieno (Aŭstrio), prezentis la ĉi-supran prelegon, germanlingve, pasintjaran aŭtunon en simpozio, en la universitato de Oldenburgo (nordokcidenta Germanio) pri la situacio de la platdiĉa lingvo en la lernejoj.*

*Tradukis el la germana:* ***Uwe Joachim Moritz***

---

## Respondo al la konkurso:
### Kiu lingvo estas?

Paragi kunnafonidiseben

**Ka bɔ dipɛ jamanaw ka forobakan « Espéranto » lafasajɛkulu yɔrɔ**

Anw,dipɛ jamanaw lajɛlen ka forobakan « Espéranto » lafasalijɛkulu, bɛ nin kunnafonidisɛbɛn ci dipɛ jamanaw gɔfɛrɛnamanw an'u tɔnjɛkuluw n'u mɔgɔ ŋaniyatigiw bɛɛ ma, k'a jira ko anw kuntilennaw ani minnu

*Numero 75, p. 23.*

Neniu korekta respondo atingis nin pri tiu konkurso.

La respondo estas: temas pri peco el la Deklaracio de Prago en la **bambara** lingvo, kiu estas formo de la mandinga idiomo de la niĝeria-kongo grupo. La bambara estas nun nacia lingvo en Malio parolata de pli ol 3 milionoj da homoj. *Red.*




**Aĉetebla ĉe la antaŭa kaj ĉe la nova redaktejo.**

*Daniele Vitali*

# Marbordo kun ses lingvoj
# Etnista taglibro pri vojaĝo de Eŭskio al Galegio

*Bayonne* nomiĝas france ĉarma urbo inter la Gaskona Gulfo kaj Pireneoj, sed ĝi ankaŭ estas *Baiona* en la eŭska kaj la gaskona (aparta dialekto de la okcitana).




*Bajono, ĉu okcitana, ĉu eŭska? Ĉiukaze ne estas Francio!*

Laŭ mi plej bone solvis la aferon tiuj, kiuj uzas spritecon, aŭ la urbaj aŭtoritatoj, kiuj ekzemple indikas la eŭskan muzeon en ambaŭ (kaj en la franca).




*La eŭska muzeo en Bajono anoncas sin en la franca, eŭska kaj gaskona.*

En la turisma oficejo oni proponas kursojn pri la eŭska, en silenta strato videblas memortabulo en la gaskona, veturante al *Miarritze/Biarritz* ni aŭdas eŭskan paroladon kun tre franceca akĉento. Kian akĉenton ni renkontos aliflanke de la ŝtatlimo?

En *Euskadi/País Vasco*, la parto de Eŭskio (*Euskal Herria*) kiu estas aŭtonomia regiono de Hispanio, la dulingvaj stratnomtabuloj plimultiĝas, kelkaj havas ŝmiraĵojn, kiuj malebligas legi la hispanlingvan nomon. En la malgranda aŭtonomia komunumo la homoj estas tre etnokonsciaj, voĉdonas amase por sendependismaj partioj kaj la eŭska aŭdeblas televide, kun multe pli konvinka prononco ol en *Miarritze*. Efektive oni aŭdas ĝin ankaŭ surstrate, kvankam la hispana pli oftas: en *Donostia/San Sebastián* kaj en *Bilbo/Bilbao* mi aŭdis ne nur maljunulojn, sed ankaŭ fierajn gepatrojn paroli la




*Gaskona memortabulo en "Bayoune".*

lingvon al siaj infanoj, por ke ĝi ne perdiĝu malgraŭ sia malfacileco kaj malgraŭ la persekutoj suferitaj sub la frankisma diktaturo. Reago al tiuj malpermesoj ebligis reporti la eŭskan ankaŭ al *Iruña/Pamplona*, en la aŭtonomia komunumo *Nafaro* (*Nafarroa/Navarra*): pluraj oficialaĵoj estas dulingvaj, kaj en librovendejoj estas sekcio pri la eŭska. Sed en tiu urbo, kie tiom da plenaĝaj viroj surhavas la vaskan ĉapelon, plej evidentas, ke tamen diktaturoj kaj persekutoj parte ja atingas siajn celojn: la homoj surstrate parolas hispane, krom se ili ĵus alvenis de la montaro. Kaj tamen la lingvolimo (tio estas, la linio norde de kiu oni ĉiutage parolas ankaŭ eŭske) ne estas malproksima...




*Denove per memglumarkoj en Iruña (Nafaro) oni forviŝas la hispanan kaj francan flagojn, sed akceptas la aliajn.*

En *Santander*, ĉefurbo de Kantabrio (*Cantabria*), ni troviĝas unuafoje en origine tute hispana lingvoregiono. La lokaj loĝantoj eĉ fieras pri tio, ke "ĉi tie estas Hispanio, la cetero estas *tierra de reconquista*" (=rekonkerita lando). Efektive, kiel sciate, en la Mezepoko preskaŭ la tuta Iberia duoninsulo estis




Pro manko de spaco mi povis meti nur unu version de ĉiuj nomoj. Kiam mi povis, mi uzis la esperantistan fomon. *N. M.*

konkerita de la araboj, kiuj tie fondis florantan civilizacion daŭrintan, en sia lasta bastiono, ĝis 1492: tiam falis *Granada*, en suda Andalusio. *Reconquista*, "rekonkero", estas la historia procezo dum kiu la nordaj kristanaj regnoj iom post iom atingis la sudon, kaj portis al ĝi siajn lingvojn. Tial Andalusio parolas "kolonian" version de la kastilia, tial la kataluna atingas *Alacant*/*Alicante* laŭ la Mediteranea marbordo, tial Portugalio estas strio laŭlonge de la marbordo Atlantika, tial ĝis certa tempo la astur-leonia atingis la urbon *Badajoz*, en *Extremadura*, kvankam hodiaŭ la homoj tie parolas hispane en preskaŭ-andalusa maniero. Sed 1492 estas ankaŭ la jaro de unuiĝo inter Kastilio kaj Aragono sub la oficiala nomo Hispanio, kaj kiam la kastilia, aŭ hispana, komencis vere akiri la gravecon, kiu faras el ĝi hodiaŭ lingvon parolatan de amasoj, en diversaj kontinentoj.

Malfacilas lukti kontraŭ tia superpotenco, kaj tamen ne nur en Kataluna landaro, Eŭskio kaj Galegio, kies lingvoj estas agnoskitaj de la hispana ŝtato, sed ankaŭ en aliaj partoj de la lando agadas aŭtonomiismaj kaj porlingvaj movadoj: en Asturio (*Asturies*/*Asturias*) viglaj aktivistoj postulas agnoskon por la astura (ankaŭ nomata *Bable*), fondiĝis akademio, *Academia de la llingua asturiana*, kiu verkis ortografion kaj vortaron, publikiĝas romanoj kaj diversaj libroj ktp.




*Xixón - Astura restoracio, kun "sidra" kiel trinkaĵo kaj -u fine de virgenraj vortoj (anstataŭ la hispana -o).*

Astura radio-programo bonvenigas nin en *Xixón*/*Gijón*; por la hispane parolanta eksterlandano, la astura ŝajnas 100-procente komprenebla, kaj la punktoj kiuj malsamas de la kastilia estas kuriozaĵoj kiuj meritas nian tutan atenton, sed por la ŝtataj aŭtoritatoj tiu simileco estas pravigo por neagnosko: "la astura estas dialekto, la fakto ke varianto ĝia agnoskiĝis en Portugalio (urbo *Miranda de l Douro*/*do Douro*) ŝuldiĝas al politikaj konsideroj".




*Xixón - Se la aŭtoritatoj ne agnoskas la asturan, noktaj aktivuloj ŝanĝas "calle" al "cai" per memglumarkoj.*

Tamen estas interese vidi kiom ankoraŭ volas vivi tiu malbonŝanca fratino de la kastilia. Laŭ la "Raporto pri la astura lingvo" publikigita de la supre citita Akademio, 60,3 % de la loĝantoj de Asturio konsideras la asturan lingvon, 61,2 % volas ĝin oficialigita, 66,5 % volas ke la infanoj lernu ĝin, 75,4% opinias ke ĝi devas esti iel protektata.

En 1991 plej facile parolis en la kastilia 46,7% de la loĝantaro, en la astura 30,3%, en ambaŭ 15,8% (t.e. asertis paroli asture 46,1%). Oni tuj rimarkas ke la sumo de ĉi tiuj ciferoj ne egalas 100. Inter la mankantaj procentoj troviĝas ne nur enmigrintoj kaj nerespondintoj, sed ankaŭ la parolantoj de la "*eonaviega*", t.e. de la galega dialekto parolata en okcidenta strio de Asturio, kies neasturecon la astura Akademio rifuzas, kvankam agnoskante ke ĝi ja havas galegajn trajtojn. La stranga nomo venas de la fakto ke ĝia parolareo troviĝas inter riveroj *Navia* kaj *Eo*.

Profesoro *Xavier Frías Conde* verkis plenan gramatikon de la eonaviega. Ĝi troveblas rete, kaj ni rekomendas al interesatoj ĝin konsulti (kp. ligojn artikol-fine).




*Astura informaĵo: "Informe sobre la llingua asturiana", publikigita de Academia de la llingua asturiana en 2002.*

Enirante Galegion (*Galiza*) la etnisme interesata vojaĝanto renkontas novan lingvan panoramon. En la Mezepoko, kiam la araboj regis en la nuna Portugalio, Galegio estis sendependa, kaj dum la "rekonkero" la galega iom post iom atingis la sudan marbordon. Sed la politikaj eventoj ebligis al Portugalio esti sendependa disde Hispanio, dum sama sorto ne estis rezervita al Galegio. La rezulto estas ke, dum la ne tro malsimila portugala tempeste novigis sian fonetikon ĝis la nuna situacio, kiam ĝi estas skribe komprenebla por hispanlingvano sed tute kripta parole, ĝia "patrino", la galega, apenaŭ sukcesis plu diferenciĝi kaj eĉ kun la tempo peze hispaniĝis. La galega televido vekas impreson similan al tiu radio-programo en la astura: preskaŭ perfektas komprenebleco, sed pluraj lingvaj apartaĵoj komprenigas ke ne temas pri la kastilia, kaj ĉi-foje temas pri apartaĵoj perfekte kongruaj kun la portugala. Tiu ĉi situacio permesas al la galegoj skribi plurajn aferojn nur sialingve, ankaŭ Madrida turisto komprenos, sed la renkontiĝo kun la parolata lingvo (ne en grandaj urboj kiel *A Coruña* kaj *Santiago de Compostela*, sed ja en la vilaĝoj, kiel *Ourense*) senrevigas: la kamparanoj estas multe malpli kompreneblaj ol la politikistoj kiuj piĝinumas en la regiona parlamento - por vere koni la galegan oni ja devas studi ĝin! ***D. V.***

Kelkaj ligoj:

- Latinidaj lingvoj de la Iberia duoninsulo: http://www.romaniaminor.net/ianua/

Mapo pri la lingvoj en la Iberia duoninsulo: http://www.romaniaminor.net/mapes/peninsula.swf

- Gramatiko de la eonaviega: http://cerezo.pntic.mec.es/~ffras/eonaviego.pdf
- Mapo pri la eonaviega: http://es.geocities.com/pensagz/idioma_asturiano/NaviaEo.htm

# Rezolucio de Valencia Akademio pri la Lingvo




***La 9an de februaro 2005 la organo pri reguligo de la valencia lingvo konkludis, ke tiu lasta kaj la kataluna "estas sama lingvo".***

**Valencio:** La plena kunsido de la Valencia Akademio pri la Lingvo unuanime aprobis proponon, kiu konkludas ke "la diversaj lingvoj" de la komunumoj de Valencio, Katalunio, Balearaj Insuloj kaj Andoro "konstituas unu saman lingvon, tio estas unu saman lingvan sistemon".

La teksto klarigas, ke en Hispanio estas "du nomoj egale leĝaj por indiki tiun lingvon": valencia en la Valencia Komunumo, kaj kataluna en Katalunio kaj Balearoj kaj ĝi pledas al la aŭtonomaj kaj centraj registaroj por ke, "ekster tiu lingva medio la noma dueco de nia idiomo estu konsiderata kiel kohera kaj ne fragmentita unuo".

La rezolucio estis aprobita dum plena kunsido de la normiga organizo pri la valencia lingvo, kunveninta en sia sidejo de *San Miguel de los Reyes*, kun sumo de 17 favoraj voĉoj, tio estas, laŭ unuanima voĉdono de la ĉeestantoj. En la kunveno ne ĉeestis la prezidanto de la institucio, *Ascensió Figueres*, pro malsano; nek *Ramon Arnau* el la Akademio, kiu ne respondis la kunvokon, nek *Alfons Vila*, kiu ne ĉeestis je la momento de la voĉdonado, laŭ informo de alia akademiano, *Albert Hauf*, je la fino de la kunveno.



*Zapatero liveras la kvar versiojn de la Eŭropa Konstitucio al Solana, en novembro 2004. (Foto: EFE)*

La aprobita dokumento konstatas, ke "la propra kaj historia lingvo de la valencianoj, laŭ filologia vidpunkto, apartenas ankaŭ al la aŭtonomaj komunumoj de Katalunio, de la Balearaj Insuloj kaj de la Andora Princejo". Same ĝi "estas la historia kaj propra lingvo de la aliaj teritorioj de la antikva Krono de Aragono (la orienta aragona bendo, la sarda urbo *Alguer* kaj la franca departemento de la Orientaj Pireneoj)".

La teksto memorigas, ke "la nomo valencia estas akceptita de la aŭtonoma ŝtato de la valencia komunumo" kaj akcentas, ke la AVL (Valencia Akademio pri la Lingvo) "konsideras, ke la termino plej adekvatas por nomi la propran lingvon de la Valencia Komunumo" ĉar temas pri "nomo leĝe protektata, kiu estas la ĉefa signo de la identeco de nia popolo".

*Preskomuniko sendita de* ***Hector Alos i Font***

**Komentoj**

Multaj surpriziĝis pri tiu decido, kaj tiu surprizo estas tre komprenebla, sed, laŭ mi, la ĉefa strangaĵo kuŝas en la malfrueco de la decido. La afero neeviteble alvenus ĉi tien, ekde kiam oni kreis la Valencian Akademion de la Lingvo kaj nomumis fakulojn kiel membrojn. Por mi la ega surprizo okazis ĝuste tiam, ĉar ĝi estis decido de la dekstra valencia registaro de la Popola Partio (PP).

Kelkaj aferoj kunkomplotiĝis por tio en 1998. Unuflanke, PP jam estis kaperinta la tutan dekstran spacon en Valencilando kaj puŝis la kontraŭkatalunisman partion ekster la parlamenton. Kaj aliflanke, ŝajne inter la kondiĉoj de la dekstraj katalunistoj de Konverĝo kaj Unuiĝo por subteni la unuan, malplimultan registaron de *Aznar* en 1996 estis ĉi tiu. Ĉi tion ili asertis antaŭ kelkaj monatoj, kaj kvankam PP tion neis, la afero estas ege kredinda: laŭ ilia klarigo, PP petis nur tempon por "malaktivigi" la temon; post jaro kaj iom, oni starigis la akademion, kaj simple malpermesis, ke ĝi starigu pozicion pri la unueco de la lingvo. Ilia unua decido estis validigi la ortografiajn regulojn de *Castelló* (t.e. tiujn de 1932 laŭ la kataluna normo, kun akcepto de la diferencaj trajtoj valenciaj). Kelkfoje la akademio asertis, ke la valencia apartenas al "komuna lingvosistemo" kun la kataluna, sed ne eksplicite diris "lingvo". Lastdecembre (verŝajne la venko de socialistoj helpis), okazis revolucieto kaj, kontraŭ la akademi-prezidantino (nomumita de PP), akademiano proponis voĉdonigi la ĵusan decidon. La voĉdono estis tiam malhelpita, ĉar alflugis al la kunveno ministro de la valencia registaro, sed antaŭ kelkaj tagoj, la propono estis denove starigita kaj unuanime voĉdonita (la prezidantino, hazarde, malsaniĝis en la tago de la kunveno, kaj du aliaj akademianoj forestis).

Jen la kulisa klarigo pri la afero, laŭ mia kompreno.

Komentoj de ***Hector Alos i Font***




*Tradukilo kaj korektilo por la valencia*

# La franciaj regionistoj fronte al la Eŭropa Konstitucia Traktato (EKT).

***Michel Cahen, maldekstrula oponanto al la EKT kaj serĉanto en politikaj sciencoj, analizis la poziciojn de la maldekstremaj franciaj regionistoj.***

Li unue konstatas disdividon de la regionista demokrata maldekstro. La Okcitana Partio (POC) deklariĝis 78% por la "jes", same kiel la Nacia Okcitana Partio (PNO, malpli maldekstra kaj pli etnista) dum la radikala bearna *Anaram au Patac* alvokas al iu "ne, okcitana, sociala




kaj solidara". La regiona Federacio de Norda Katalunio (*Esquerra Republicana de Catalunya*) valorigas la "ne" same kiel la *Cercle d'Agermanament occitano-català*" (CAOC). En norda Eŭskio *Abertzalen Batasuna* (AB) ne poziciiĝis ĉar nur 52,7% favoras la "ne". *Batasuna* (malpermesita en Hispanio, ne en Francio) decidiĝis por la "ne". La ĉefa maldekstra bretona partio, Bretona Demokrata Unio (UDB) alvokis al jesa voĉdono, dum la *Emgann*-Movado (ekstremdekstrema) klare montriĝas por la "ne". En Korsiko la *Manca Naziunale* klare favoras la "ne".

**Argumentoj por voĉdoni "jes"**

La strategiaj kialoj venas unue el la klara por-eŭropa sinteno de ĉiuj regionistaj partioj, opiniante, ke Eŭropa Unio malfortigas la ŝtatajn strukturojn favore al la senŝtataj popoloj. Tamen la partioj favorantaj la jes konscias pri la limoj de la proponita traktato.

La argumentoj de la okcitana partio POC, same kiel tiuj de UDB, estas la sekvaj:

- Pli klaraj difinoj de la kompetentoj inter ŝtatoj kaj Unio.
- Parlamento elektita laŭ universala voĉdono.
- Konsilantaro kun prezidanto elektita por 2 jaroj kaj duono kaj civita rajto permesante al 1 miliono da civitanoj proponi leĝon.

**La mankoj agnoskitaj de la jesuloj**

- La ratifiko de la traktato necesigas tiun de ĉiuj membro-ŝtatoj.
- La povo de la Komitato de la Regionoj restas nur konsulta.
- La lingva politiko restas afero de la ŝtatoj.
- La tutmonda merkata ekonomio ne protektas pri sociaj malegalecoj.

La "jes" de pluraj partioj, oni vidas, ne entuziasmas.

La aŭtoro opinias, ke la traktato estas kontraŭsocia ankaŭ por la minorigitaj nacioj. Li klarigas la jesan pozicion de pluraj regionistaj partioj per ties malfido al la mankoj de la francaj socialistoj koncerne nacian politkon. Ili "miksas lingvajn praktikojn kun religia komunumeco", ili kontraŭbatalis, kvankam heziteme, malcentrismigon proponitan de la unua minstro *Raffarin*, ili rifuzas kreon de tut-eŭska departemento, batalas kontraŭ la korsikaj naciaj aspiroj kaj "fronte al Respubliko Unuformiga sed ne egalrajta la konfuzo estas granda, ĉefe ke, male al la neojakobenaj argumentoj, tiuj movadoj (ni parolas ĉi tie nur pri la maldekstremaj) estas internaciismaj, por egalrajto de ĉiuj nacioj", dum la maldekstruloj ĝenerale pli favoras "internaciismon vidalvide nefrancianojn (enmigrintoj ktp) ol vidalvide la franciajn naciojn".

**Traktato kontraŭdemokrata kaj kontraŭsocia ankaŭ por la minorigitaj nacioj**

Inter alie la aŭtoro mencias la negadon, fare de la traktato, de la senŝtataj nacioj. Tie la aŭtoro revenas al la malcentrigaj klopodoj de la franciaj politikuloj, opiniante, ke la problemo ne kuŝas en tro granda centrigo sed en la "hegemonio etno-franca de la Respubliko, konsiderita kiel civitana dum ĝi nur estas ŝtata aparteco". Anstataŭ malcentraligo oni devus paroli pri "teritoria demokratigo". Laŭ li tio ne endanĝerigus la principon de "Unueca kaj Nedividebla Respubliko", sed nur certigus veran egalecon antaŭ la leĝo, ĉar mankas "grupa rajto en la Respubliko, mankas jura federalismo".

La aŭtoro rimarkas, ke la EKT neniel helpas la lukton de la minorigitaj ŝtatoj, ĉar la teksto ne parolas pri tio aŭ nur en maniero tre "*patrimonialiste*", tio estas laŭ nura vidpunkto de defendo de kultura heredaĵo. La uzo de la vortoj *respekto* kaj *tradicio* konsideras la problemon nedinamisme, ne antaŭvidante konstruon de estonto. "Kiam la traktato parolas pri *historioj* kaj *naciaj identecoj*, aŭ pri *nacieco* de la civitanoj" tio nur koncernas la jam ekzistantajn ŝtatojn. Samas por la nocio de *popolo*..

En la parto 1 titolo 1 (Difino kaj objektivoj) la teksto diras, ke Eŭropo "respektas la kulturan kaj lingvan riĉecon kaj diversecon kaj atentas pri la savo kaj la disvolviĝo de la eŭropa kultura heredaĵo."Tiu objektivo estas insertita en la sama 3a numero de la artikolo 1-3, kiu konstituciigas *la socian kaj merkatan ekonomion alte konkurencan*. La kontraŭliberaluloj bone scias, ke ne eblas promocii kulturan diversecon (aparte por homajn grupetoj ne profitdonaj) en ekonomia kadro alte konkurenca. Neo-liberalismo puŝas al estonto nuranglisma kaj tuje al la lingvoj la plej ekonomie "efikaj": en Francio, la franca.

Se oni rigardas la numeron 1 de l artikolo 1-5: "La Unio respektas la egalecon de la membraj ŝtatoj antaŭ la konstitucio same kiel ties naciaj identecoj, ligitaj al iliaj fundamentaj politikaj kaj konstituciaj strukturoj, ankaŭ en kio koncernas lokan kaj regionan aŭtonomion. Ĝi respektas la esencajn funkciojn de la Ŝtato, aparte tiujn kiuj celas certigon de teritoria integreco, sekurigon de la publika ordo kaj defendon de la nacia sekureco". "Oni malbone komprenas" sekvas la aŭtoro, " laŭ tiu vidpunkto, la alvokon la PNV (Nacia eŭska partio, centristo, kaj en la estraro en Bilbao) voĉdoni jes, dum la EKT komplete dependigas la planon *Ibarretxe*, kiu proponas duonigitan suverenecon, de la nura bonvolo de Madrido". ***N.M.***

***Tiu 14-paĝa raporto troviĝas je***: <www.agencebretagnepresse.com/fetch.php?id=2020>

***Vidu ankaŭ***: *Koncize el...*, p. 21: Francio: La Federacio: "Solidaraj Regionoj kaj Popoloj" jesas...

# Litovio kaj la du aliaj baltaj landoj tra la paĝoj de Etnismo

***Post kelkaj semajnoj centoj da esperantistoj kunvenos en Vilno. Kaj tie la fakkunsido de IKEL enkondukos debaton pri "La interetna situacio en la ĉebaltamaraj ŝtatoj, Estonio, Litovio kaj Latvio". Tial ni opinias utile trarigardi la lastatempan historion de Litovio en la paĝoj de Etnismo.***

En aprilo 1989, la nnumero 45, per dupaĝa artikolo titolita "Rezulto de historia mensogo: Libereceon apud la Balta maro!" rakontas la aperon de sendependemaj sentoj en la tri baltaj respublikoj.

### Sekreta Kromprotokolo

Por situi la problemon la aŭtoro rememorigas la **Sekretan Kromprotokolon** subskribitan de *Molotov* kaj *Ribbentrop*, respektive ministroj pri eksterlandaj aferoj de Sovetio kaj de Germanio, kadre de la **Pakto pri Neagreso Inter Sovetunio kaj Germanio**, la 23-an de aŭgusto 1939. "Tiu kromprotokolo fiksis la limojn de la interesosferoj de ambaŭ superpotencoj kaze de teritoriaj ŝanĝoj koncerne Suomion, Estonion, Latvion, Litovion, Pollandon kaj sudorientan Eŭropon. Nazia Germanio lasis kompletan liberecon al bolŝevisma Sovetunio rilate la unuajn kvar ŝtatojn kaj la rumanan Besarabion. (Litovio estis inkluzivita en la sovetan sferon per modifo de la kromprotokolo, fine de septembro.)

La numero 47, unu jaron poste revenas pli detale pri tiu kromprotokolo, kaj aperigas la tutan tekston.

En tiu sama numero oni lernas pri la nuligo de tiu protokolo kaj de similaj dokumentoj fare de la Popolaj Deputitoj de Sovetunio, sub prezidado de *Gorbaĉev* la 24-an de decembro 1989.

### Ekribeliĝo

Ni revenu al la numero 45 por legi, ke la "ĉi tiujn faktojn la hodiaŭaj enloĝantoj de la tri Socialismaj Sovetaj Respublikoj (SSR) unuan fojon publike memoris en somero 1987". Sovetio tute kompreneble nomis la tiamajn manifestantojn nazioj en broŝureto publikigita far la eldonejo de la soveta novaĵagentejo *Novosti* en 1988. Ili probable ne taksis la forton malantaŭ tiuj unuaj manifestacioj. "En printempo kaj somero 1988 estis fonditaj:

- Estonia Popolfronto,
- Latvia Popolfronto, kaj
- Litovia Movado por Rekonstruo.

Tiuj tri organizoj fulme nombris <u>centmilojn da membroj</u>". Iliaj celoj estis **suvereneco interne de Sovetunio**. La tri parlamentoj (Superaj Sovetoj) oficialigis la tri lokajn lingvojn kaj la malnovajn flagojn. La estonia parlamento eĉ decidis "ke la leĝoj voĉdonitaj fare de la plej alta parlamento de Sovetunio ekvalidos en Estonio nur se ilin eksplicite akceptas la estonia parlamento". Tiu decido tuj estis konsiderita de la sovetoj kiel kontraŭ-konstitucia. Tamen se la artikolo 70 de la Sovetia Konstitucio difinas la Union "unueca multnacia federacia ŝtato", la artikolo 72 diras, ke "al ĉiu uniana respubliko restas rezervita la rajto de libera eksiĝo el la USSR."

### Tiama etnopolitika fono

La estona lingvo apartenas al la baltmara branĉo de la finn-ugra subgrupo de la uralaj lingvoj, kiu estas tre parenca al la suoma. 40 % de la loĝantoj ne estas estonoj, la plej multaj el ili parolas ruse. La latva kaj la litova lingvoj "nun reprezentas la baltan grupon de la hind-eŭropaj lingvoj".

En la numero 47 oni povas kompletigi tiujn informojn: en Latvio, en la jaro 1935, 75,5 % da loĝantoj estis latvoj dum nur 53,7 % en 1979. En Litovio 80 % en 1989 ankoraŭ parolis litove. "Tamen la interetnaj rilatoj ŝajnas plej malagrablaj precize en Litovio. Tie poloj postulas kulturan aŭtonomion, kiun neas la litova popolmovado *Sajudis*. Rusoj jam en konsiderinda nombro perdis laborlokojn en litovaj firmaoj kaj spertas diskriminaciadon en la publiko, se ekzemple busŝoforo tute ne komprenas la rusan lingvon. Se unuflanke la kazo de la rusoj en Litovio estas facile eksplikebla (plurjardeka rusigado de la vivo), tamen aliaflanke la pola kazo dubigas la deeksteran observanton. Ĉar la nunaj poloj en Litovio, t.e. precipe en la Vilno-regiono, ne estas enmigrintoj, invadintoj de la lastaj jardekoj, sed idoj de poloj kiuj jam tra generacioj vivas/-is tie, do estas efektive <u>aŭtoktonoj</u>".

### Tankoj en Vilno




13.01.1991: Tankoj de la Ruga Armeo sturmas la litovan televidstacion murdante 15 homojn.

En la ununura numero de la jaro 1991, la numero 48, kvar paĝoj estas dediĉitaj al la decidigaj eventoj okazintaj en Litovio.

Post la demisio de la ĉefministrino *Kazimiera Prunskiene*, la 10-an de januaro 1991, la litovia parlamento estis elektanta novan ĉefministron, *Albertas Simenas*, dum daŭris manifestacioj en la stratoj de Vilno. "La forta homo de Litovio restis la prezidanto de la parlamento, *Vytautas Landsbergis*. Tiu ĉi estis provinta paroli kun Gorbaĉov, lastan fojon sabaton, la 12-an de januaro, sed neniam la ŝtatprezidento estis atingebla - ĉu ne ekstreme strange? La estro de la litovismaj komunistoj, *Brazauskas*, komunikis al la ĉefo de la Sekreta Servo, *Vladimir Krujĉkov*, ke la ĉefaj politikistoj de Litovio pretas veturi al Moskvo en kiu ajn momento por interparole sendinamitigi la atmosferon en la landeto. Sed tiun sabaton jam provoke kaj minace promenadis tra la stratoj de la ĉefurbo ruĝarmeaj tankoj".

Dume *Gorbaĉov* anoncis ke li malmobilizos la trupojn en Litovio kaj ke li rezignos pri armita interveno. Malmultajn horojn poste, ĉirkaŭ la dua horo de la dimanĉa frumateno la tankoj kaj la batalĉaroj sturmis la televidoturon kaj okupis ĝin. La sovetiaj trupoj nuligis la vivon de absolute ne armitaj homoj".

Simila tragedio okazis kelkajn tagojn poste en Latvio. Ses homoj estis murditaj, pluraj dekoj vunditaj en la ministerio pri internaj aferoj en Rigo.

**Letera interveno de IKEL**

"La 14-an de januaro 1991 tiu ĉi INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECEOJ (IKEL) telegrafis al *Miĥajl Gorbaĉov*, Prezidento de USSR, Kremlo, Moskvo, jenan tekston en la Internacia Lingvo:

Sinjoro Prezidento,

INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ (IKEL) protestas plejakre kontraŭ invado de Litovio far Ruĝa Armeo, kontraŭ murdado de minimume dektri, samkiel vundado de pli ol cent nearmitaj civitanoj.

IKEL postulas:

- tujan retiriĝon de ĉiuj sovetiaj armitaj fortoj el Litovio;
- plenan agnoskon de la demokratie legitimita suvereneco de litovoj, latvoj, estonoj, ukrainoj, kartveloj, armenoj, moldavoj kaj ĉiuj aliaj etnoj.

*Uwe Joachim Moritz*
Prezidanto de IKEL

Pli longa letero en la germana estis sendita al la ambasadoro de Sovetunio en Bono kaj al pluraj redakcioj de gazetoj, sed ankaŭ esperantlingve al esperantistaj gazetoj.

**Mobilizado de la esperantistaro**

Unu tagon poste venis peto pri subteno de la Litova Esperanto-Asocio.

"Sendis iajn protestojn al Kremlo aŭ al la sovetunia ambasadejo en la respektivaj ŝtatoj Germana Esperanto-Junularo, Unuiĝo Franca por Esperanto, Sveda Esperanto-Federacio, familio Pilger, IKEL-membro *Angevin*, IKEL-Bretonio, IKEL-Italio" ktp.

Nek Gorbaĉev nek lia ambasadoro en FRG respondis.

**Tiama redaktora komento pri la agado de IKEL**

"Kial IKEL, tiu sendube malfortega organizaĵo, do skribas, intervenas, publikigas? Se, unue, ni plene konscias pri tio ke neniu registaro faros kian ajn paŝon pro kia ajn postulo, peto, sugesto nia, ni, due, tamen esperas ke povas kontribueti al plivastigo, pliampleksigo, plifirmigo de publikaj atentemo kaj aktivado favora al homaj kaj civitanaj rajtoj. ... Se efektive, la IKEL-anoj estus pli entreprenemaj kaj informus la centron kaj inundus, per peto kaj postuloj, la registarojn, tiam nia kontribuaĵero eĉ povus iĝi eĉ videbla..."

En septembro 1991 Litovio refariĝis sendependa.

Bedaŭrinde mi devas salti la numeron 50, kie aperis dupaĝa intervjuo, tutsimple ĉar la numero mankas al mia kolekto.

Unu jaron poste en la numero 51, IKEL-delegacio (*Ursula Schnelle-Moritz* kaj *Uwe Joachim Moritz*) vizitis la landon kaj raportis pri tiu vojaĝo en 7 paĝoj:

**Etnaj Minoritatoj en Litovio:**
**Ĉu modelo por tuta Eŭropo?**

Oni devas unue noti, ke se Litovio fariĝis sendependa, la ekssovetiaj ruĝarmeaj tankoj plu troviĝis en la lando kaj foje ankoraŭ minacis. La unua demando de la vizitantoj estis: "**Ĉu Litovio ankoraŭ bezonas nin**?" Kaj kompreneble la respondo estis, ke la ĵusa sendependiĝo ne mirakle solvis ĉion. "Kiugrade la slovena, kroata, estona, latva aŭ litova etno estas stabiliĝinta en sia rolo de memstara unuo de la internacia vivo? Aliavorte: Ĉu en ĉiu el tiuj lingvoj ekzistas ĉiuj esencaj libroj lernejaj kaj universitataj? Jen nia unua sperto: Ni traserĉadis, helpe de surlokuloj, plurajn librovendejojn por trovi, unue historian aŭ/kaj geografian atlason en la litova, kaj due etimologian vortaron de tiu sama lingvo. Kun kiu rezulto? Komplete negativa... La litova etno ne disponas pri la necesaj ebloj por plene profiti kaj evoluigi sian propran kulturon!"

**Aliaj etnoj**

Malgraŭ tiuj ne solvitaj problemoj mirigas, ke Litovio, almenaŭ ŝajne serioze flegis sian minoritatojn.

La intervjuita Ĝenerala Direktorino pri etnaj minoritatoj, *Halina Kobeckaite*, nombris 109 etnojn: litovojn (79,6 %), Rusojn (9,4 %), polojn (7 %) belorusojn (1,7 %), ukrainojn ( 1,2 %), kaj la malpli ol 1%: judojn, tatarojn, krimetatarojn, latvojn, romaojn, germanojn, armenojn, uzbekojn, moldavojn, azerbajĝanojn, kazakojn, kartvelojn, taĝikojn ktp. Kaj "La anoj de ĉiuj etnoj estas samrajtaj".

En traduko de la Leĝo pri Etnaj Minoritatoj modifita la 29-an de januaro 1991, ni povas legi inter alie, ke ĉiuj etnoj rajtas "lerni en sia propra lingvo en ŝtate kreitaj kondiĉoj por havi antaŭlernejajn instituciojn, klasojn kaj duagradajn lernejojn same kiel grupojn, fakultatojn kaj akcesoraĵojn en la institucioj de triagrada lernado kiuj preparas instruistojn kaj aliajn specialistojn bezonatajn de etnaj minoritatoj". Ĉiuj etnoj rajtas ricevi subtenon flanke de la ŝtato por evoluigi siajn kulturon kaj edukadon, rajtas pri gazetaro kaj informado en la denaska lingvo, rajtas esti reprezentataj en ĉiunivelaj registaraj instancoj ktp.

**Poloj en Litovio**

"La proksimume 300.000 poloj vivas precipe en la urbo kaj distrikto *Vilnius* kaj en la distrikto *Šalčininkai* (sude de *Vilnius*), diris *Stanisław Korczyński*, vicprezidanto de la *Asocio de Poloj en Litovio*.

Rimarkindas, ke la poloj ŝajnis tute kontentaj pri siaj vivkondiĉoj en Litovio. Ili jam delonge ĝuis propran radioprogramon kaj gazetaron, dankemis la litovan ŝtaton, kiu disponigas televidan programon. "Vera danĝero estis rusigo", pro tiu danĝero "multegaj poloj perdis sian etnan identecon. Antaŭ du jaroj ekstariĝis aro da polaj lernejoj, kaj nun granda nombro da polaj gepatroj transskribas siajn infanojn el la rusaj en la polajn lernejojn. Bedaŭrinde certaj homoj en la litova registaro tiurilate parolas pri - deviga poligo -. Ĉikoncerne ja ekzistas eta konflikto, ĉar iuj opinias ke ĉiuj infanoj devus unue lerni la litovan lingvon".

Al la demando: "Ĉu rolas pola separatismo?" la respondo estis: "...Ni neniam aŭdis tian strebadon. Ni volas interkompreniĝi. Ni konscias ke ni vivas en Litovio kaj ke *Vilnius* estas la ĉefurbo de Litovio, kvankam ĉi tie loĝas proksimume 120.000 poloj... en la distrikto *Šalčininkai,* kie poloj estas 80 % el la loĝantaro, oni deziras aŭtonomion **kulturan**, sed ĉiukaze interne de la limoj de Litovio!"

**Rusoj en Litovio**

La tono kompreneble estas malpli optimista por tiu plej granda minoritato, kiu, antaŭ kelkaj jaroj ankoraŭ regis. Notindas, ke en tiu minoritato kalkuliĝas ankaŭ la aliaj rusigitaj minoritatoj. Kvankam la leĝo ankaŭ ilin samrajtigas, ili perdis siajn antaŭajn privilegiojn, estis amase maldungitaj el la publika administracio, kaj ne emas lerni la litovan lingvon. La IKEL-demandintoj "preskaŭ kolapsis", kiam *Tatjana Jazinskaja*, la juna direktorino de la *Rusa Kultura Centro* klarigis tiun malemon al lernado de la litova tiel: "Jam ĉiam la plej bonaj pedagogoj instruis la rusan lingvon en litovaj lernejoj, dum la plej malbonaj instruis la litovan lingvon en rusaj lernejoj, kaj nun, konsekvence, mankas bonaj instruistoj pri la litova".
Malgraŭ plendoj flanke de la rusparolantoj, la IKEL-vizantoj konstatis, ke oni trovas ruslingvajn gazetojn kaj povas kapti ruslingvan televidprogramon en Vilno.

**Konkludo**

Spite al necesa prudento koncerne verecon de ĉio, kio estis aŭdita, la vizitantoj estis pozitive impresitaj. Al ili evidentis interalie:
- "ke la *kantanta revolucio* de la litovoj kontraŭ sovetia imperiismo plene sukcesis kaj redonis al la litova etno liberecon por memstare organizi sian vivon, kiu ankoraŭ dum pluraj jaroj estos ekonomie malfacilega".
- ke "parlamento kaj registaro de juna Respubliko Litovio ŝajnas sincere pretaj respekti la rajton de ĉiuj etnaj minoritatoj kondiĉe ke tiuj respektos la teritorian integrecon de la ŝtato kaj la demokratian sistemon".

Je la fino de tiu kompilado kaj resumado ni esperas, ke tiuj linioj helpos la kongresanojn, kiuj kunvenos post kelkaj semajnoj en Vilno, pli bone kompreni la litovan realon kaj surloke konstati ties evoluon 12 jarojn poste. Ni kuraĝigas la leganton ĉeesti la fakkunsidon de IKEL, kiu dum la kongreso daŭrigos tiun pripensadon.

*kompilis* ***Nicole Margot***

---

**Nove aperis**

# Litova lingvo - per Esperanto-okuloj

Marc Vanden Bempt

Unika kaj kompleta superrigardo pri la litova lingvo, ĝia prononcado, ĝia gramatiko, ĝia vortaro

La libro detale klarigas la gramatikajn ecojn de tiu lingvo, montras la similecojn kaj diferencojn kun Esperanto, donas multajn ekzemplojn, enhavas ampleksan teman vortaron kaj ekzemplajn tekstojn. Kompletigas ĝin slango, proverboj, onomatopeoj kaj similaj pli amuzaj eroj.
Nemalhavebla libro se vi planas viziti la Universalan Kongreson en *Vilnius*! Kaj ankaŭ se vi restos hejme, nepre konatiĝu kun ĉi tiu ĉefa membro de la hindeŭropa balta lingvogrupo.

**Komuna eldono**:
Flandra Esperanto-Ligo, Esperanto 3000 vzw, 2005
Grandformata A4, ± 185-paĝa; € 16,50 + realaj sendokostoj, -33% ekde 3 ekz.
**Mendu ĉe**: esperanto3000@esperanto.be
aŭ Esperanto 3000 Leuven, p/a Rulenslaan 10,
BE 3020 WINKSELE




---

**Malnovaj numeroj de *Etnismo***

Kiel vi povas konstati el tiu kompilado, la tuta kolekto de ***Etnismo*** entenas informajn kaj historiajn trezorojn. Se mi povis fari tiun kompiladon tion mi ŝuldas grandparte al **Centro de Dokumentado kaj Esplorado pri la Lingvo Internacia (CDELI),** urba biblioteko de La Chaux-de-Fonds. Kiel mi jam menciis en la numero 74, **CDELI**, kiu kolektas de deko da jaroj ĉiujn dokumentojn aperintajn en esperanto, sed ankaŭ ĉiujn verkojn kaj eseojn koncerne planlingvistikon, estas certe la sola, kiu posedas la tutan kolekton de ***Etnismo,*** kaj plue vendas siajn duoblaĵojn.
Grupeto da kunlaborantoj regule iras al la urba biblioteko de La Chaux-de-Fonds por ordigi ĉiujn librojn, gazetojn, paperojn, gazeteltondaĵojn pri esperanto aŭ pri la lingva problemo, kaj la urba biblioteko salajras duontempan esperantistan bibliotekistinon.
Se vi mem posedas propran kolekton, sciu, ke la antaŭa redaktoro, *Uwe Moritz*, redaktis indekson ĝis la numero 73, ke la estraro de IKEL intencas ĝin kompletigi kaj aperigi sur la IKEL-retejo.
Se vian kolekton vi ne plu volas konservi, pensu ĝin sendi same kiel vian tutan kolekton al CDELI, vi tiel helpos la serĉantojn kaj verkantojn en kaj pri la Internacia Lingvo. Vi ankaŭ povas mendi numerojn aŭ fotokopiojn.

Adreso:
**Centro de Dokumentado kaj Esplorado pri la Lingvo Internacia**
Biblioteko de la urbo
Progrès 33, CH- 2305 LA CHAUX-DE-FONDS
Tel: XX 32 967 68 55, fakso: XX32 967 68 29
Retadresoj: cdeli.vch@ne.ch aŭ claude.gacond@ne.ch

Alain Favre

# ARKTAJ POPOLOJ DE RUSLANDO

***En la lasta numero de Etnismo ni elvokis la ĵusan malkovron de tjurka lingvo en malfacile atingebla loko de okcidenta Siberio; tiu idiomo havas nur kelkcent parolantojn, ĉiuj el ili pli ol kvindekjaraĝaj. En la sama numero ni parolis pri la minacoj al la arktaj popoloj, ne nur kulturaj sed ankaŭ fizikaj: klimata plivarmiĝo, industriigo kaj diversfonta poluado ja povas havi kaj tutverŝajne havos pezajn konsekvencojn sur la pluvivo mem de tiuj homoj.***



*Nenca paro*

En Nordameriko ŝajnas, ke inuitoj povas esperi pli memdecidan estonton: la kreo de aŭtonoma teritorio – Nunavuto – en Kanado, la longa sed antaŭvideble sukcesa vojo al sendependo de Groenlando montras, spite al gravaj malfacilaĵoj, ke politika solvo entute eblas. Kio pri la samlatitudaj etnoj de la malnova kontinento? Flankenlasante la skandinavajn sameojn, pri kiuj lastatempe aperis pluraj kontribuaĵoj en nia revuo, ni provos iomete ekzameni la situacion de la plej nordaj etnoj de Ruslando kaj ties vastega azia teritorio – Siberio



*Nenca familio*

Ĉio gigantas en Siberio: ebenaĵoj, montarmasivoj, arbaroj kaj riveroj povas longi milojn da kilometroj. Aliflanke homoj malmultas: dumlonge kovrita de glaĉeroj (tiel nomataj glaciaj epizodoj) tiu teritorio fariĝis loĝebla antaŭ nur kelkmil jaroj. La siberia klimato ne favoras la tradicie plej kutiman homan aktivadon – agrikulturo. Forta kontinenteco, kun tre malvarmaj vintroj, kreskigas tajgon, kiu super la arkta cirklo maldensiĝas kaj transformiĝas al tundro. Inter la tradiciaj aktivadoj troviĝas ĉasado (interalie de felbestoj), fiŝkaptado kaj boacbredado. La diversaj siberiaj popoloj longe vivis sufiĉe sammaniere kaj praktikis ŝamanismon.

**Jarcentoj da konkeroj kaj premoj**



*Ligna surpiliera garbejo sur ĥanta teritorio*

Oni ne multon scias pri la historio de Siberio; tamen ĉinaj fontoj mencias kelkajn nordajn popolojn, eĉ se tre malfacilas rilatigi ilin kun la nunaj etnoj. Oni supozas, ke inter la multaj invadintoj de la ĉinaj reĝolandoj troviĝas siberianoj; ekzemple la nunaj ketoj estas verŝajne la praidoj de tia popolo, kiu venis de orienta Siberio kaj finfine estis forpelita pli okcidenten; en ĝia prasiberia lingvo aŭdiĝas tonoj, kiel en la ĉina.



*Pelta mantelo de ĥanta virino*

La rusa konkero de la arktaj regionoj kaj Siberio ekis en la dekunua jarcento, fare de novgorodanoj, kiuj jam parte okupis la teritoriojn de komeoj, samojedoj kaj ugroj; sed pli metodaj invadoj okazis per la caraj armeoj, kiuj inter la dek-kvina kaj dek-naŭa jarcentoj progresis de la okcidento de Uralo ĝis Alasko. Rezistoj kaj ribeloj okazis, sed vane. Kvankam Katerina la Granda kreis provincojn kun rusaj estroj en vasta parto de Siberio, longtempe la plej nordaj popoloj apenaŭ estis perturbitaj en sia vivo; plejofte sufiĉis pagi tributon en formo de peltoj.



*Instalaĵo por fiŝkapti*

Ekzemple, ĝis la fino de la deknaŭa jarcento, la ĉukĉoj vivis tute memstare, kvazaŭ ekster la rusa mondo. Sed la oktobra revolucio tion ŝanĝis profunde, jam pro la fakto, ke Siberio tre gravis en la plurjara blanka/ruĝa

milito kaj lokaj etnoj aŭ homoj ofte devis elekti politikan tendaron. *Lenin* ege interesiĝis pri la "nacia" demando, ofte en pozitiva maniero: la soveta povo kuraĝigis la uzon de etnaj lingvoj, lingvistoj adaptis alfabetojn (plejofte la latinan!) al ĝis tiam ne skribitaj lingvoj, kiujn oni instruis en lernejoj; verkistoj aperis en multaj komunumoj.



*Kaptilo por ursoj*

Sed la ora aĝo ne daŭris longe, pro la nova orientiĝo de *Stalin*, kiu decidis dum la jaroj tridek forte centraligi la landon sub sia fera mano. Eĉ en la fora nordo okazis kolektivigado, vilaĝoj kaj tendaroj malaperis favore al grandaj farmdomejoj, kie oni bredis boacojn, ĉasis felbestojn aŭ kaptis fiŝojn, ofte kun katastrofaj rezultoj, pro manko de motivado aŭ malakcepto de la nova sistemo.



*Reto por kapti birdojn*

Eduko ĉefe okazis en la rusa kaj la lokaj lingvoj devis adopti la cirilan alfabeton. Rusoj gardis la decidpovon; eĉ kiam siberiano havis la titolon de loka estro de la kompartio, la rusa vicestro ĉiam tenis la bridon. Verdire tio okazis interalie pro la ribeloj de la saĥoj (jakutoj), kiuj dum la dudekaj kaj tridekaj jaroj de la lasta jarcento provis administri sin mem, laŭ komunisma maniero sed sen la "helpo" de la rusoj.



*Konstruo de pirogo fare de ĥantoj*

La surmapaj aŭtonomaj distriktoj – de nencoj, taimiro, ĥantoj kaj mansoj, dolganoj kaj nencoj…- kaj eĉ aŭtonomaj respublikoj – de saĥoj, ĉukĉoj… - komence iom signifaj, rapide fariĝis nuraj relajsoj de la moskva povo kaj tute ne (plu) estis en la manoj de lokanoj, kiuj ricevis fortan propagandon kaj foje utilis kiel policistoj, postkurante homojn, kiuj fuĝis el koncentrejoj.



*La ĥanta verkisto Y. Aipin*

Alia fenomeno malfortigis la situacion de la indiĝenoj: pli kaj pli establiĝis rusoj en Siberio, kaj ne nur en la sudo, laŭ la transsiberia fervojo, sed ankaŭ pli norde, kie urboj kreiĝis. La moskva registaro favoris tiun enmigradon, interalie per plialtigo de salajroj.



*Arbo*



*Vizaĝo*

Malgraŭ sia malbona reputacio en okcidenta Ruslando Siberio estis ja loko de minejoj, kaj poste eĉ naftejoj, kio kreis multajn industriojn. La rusdevena loĝantaro ege rapide kreskis dum la lasta duono de la dudeka jarcento.

Tiel en pli kaj pli da lokoj la indiĝenoj fariĝis tute minoritataj, edukiĝis kiel rusoj kaj ofte provis forgesi sian devenon. La registaro tion kuraĝigis, tiel ke multaj indiĝenoj deklaris sin nacie rusaj – kio ne havis nur avantaĝojn, rilate al la militservo ekzemple.

---

***Atentu!***
***Venonta redakta limdato:***

**La 15-an de oktobro2005**

### Iom pri la nuna stato

Ni nun konsideru la situacion (nombran kaj lingvan) de kelkaj nord-ruslandaj kaj siberiaj etnoj. Lingve ni klasike distingos tri ĉefajn grupojn, tio estas, de oriento al okcidento proksimume, prasiberia, altaja (tjurka, mongola, tunguza) kaj urala (finn-ugra, samojeda). Aldoniĝas du grupoj, tre marĝenaj en Siberio, la inuita kaj la aina, tiu lasta verŝajne malaperinta – la laŭsupoze lasta aino-parolantino de Saĥalino mortis antaŭ pli ol dek jaroj (ni notu, ke preskaŭ ĉiuj ainoj loĝantaj en tiu insulo – suda parto – kaj en Kuriloj pli malpli memvole foriris al Japanio fine de la lasta mondmilito, kiam tiuj insuloj refariĝis tute ruslandaj). La ĉi-sube prezentitaj datenoj venas el diversaj fontoj, ne ĉiam facile kontroleblaj.




| Etno | Numero sur mapo | Lingva grupo | Nombro | % etno-lingvanoj |
|---|---|---|---|---|
| ainoj | 25 | aina | 0 (?) | 0 (?) |
| aleutanoj | 17 | inuita | 360 | 0 (?) |
| ĉukĉoj | 19 | prasiberia | 15.000 | 70 |
| dolganoj | 9 | altaja (tjurka) | 5.000 | ? |
| evenoj | 21 | altaja (tunguza) | 18.000 | 55 (?) |
| evenkoj | 10 | altaja (tunguza) | 30.000 | 40 (?) |
| ĥantoj | 5 | urala (finn-ugra) | 22.500 | 60 |
| inuitoj | 18 | inuita | 1.800 | 50 |
| itelmenoj | 22 | prasiberia | 2.500 | 20 (aŭ malpli) |
| jukagiroj | 12 | prasiberia | 1.000 | 37 |
| komeoj | 3 | urala (finn-ugra) | 300.000 | 74 |
| koriakoj | 20 | prasiberia | 10.000 | 52 |
| mansoj | 4 | urala (finn-ugra) | 8.500 | 37 |
| nanajoj | 24 | altaja (tunguza) | 12.000 | 50 (?) |
| nencoj | 6 | urala (samojeda) | 35.000 | 77 |
| nganasanoj | 8 | urala (samojeda) | 1.300 | 83 |
| nivĥoj | 23 | prasiberia | 5.000 | 23 |
| saĥoj | 11 | altaja (tjurka) | 380.000 | 90 (aŭ pli) |
| sameoj | 2 | urala (finn-ugra) | 2.000 | 42 |
| selkupoj | 7 | urala (samojeda) | 3.600 | 47 |

Oni ne miros pri la fakto, ke ju pli grandaj grupoj des pli facile konservas la lingvon. Ankaŭ estas la problemo de diseco: ekzemple evenkoj nomadas en grandega teritorio: iliaj kontaktoj pli oftas kun ruse parolantaj urboj, ol kun aliaj evenkaj tendaroj. Eble novaj teĥnikaĵoj, kiel ĉeltelefonoj, baldaŭ vastaskale plifaciligos kontaktojn, interalie kun foraj sametnanoj.
Finfine nur unu etno de norda siberio ŝajnas vere prosperi: temas pri la saĥoj, sufiĉe multenombraj, tradicie batalemaj por konservi siajn rajtojn – jam en 1906 ili kreis asocion por repreni teron okupatan de rusaj koloniantoj. Perestrojko ankaŭ multon alportis: ilia respubliko ne plu estis nur surpapera, sed iĝis politika realo; kvankam en ĝi ili minoritatas (eĉ ne 40 % de la tuta loĝantaro, el kiu iom pli ol 50 % estas slavoj), ili fariĝas pli kaj pli iniciatemaj, ilia lingvo kunoficialiĝis kun la rusa kaj estas nun forte instruata en lernejoj. Ili ankaŭ provas kunlabori kun aliaj siberianoj, ene de sia respubliko sed ankaŭ ekstere - dumlonge la rilatoj ne aparte bone disvolviĝis, la tjurkoj estas ja sufiĉe novaj "invadantoj" de Siberio. Sed ili ne izolatas, pli sud-okcidente troviĝas aliaj tjurkaj grupoj – ankaŭ okcidente de Uralo loĝas la tre aktivaj tataroj.

Norde de eŭropa Ruslando, komeoj ankaŭ revigliĝis post terura periodo de incendioj kaj industriaj poluadoj. Ili reprezentas 23 % de la loĝantaro de sia respubliko (kiu ankaŭ demokratiĝis), ilia lingvo estas kunoficiala kun la rusa kaj ili aktive partoprenas en tutmondaj indiĝenaj kongresoj.

Kvankam en pli malfacila situacio, aliaj popoloj iom vekiĝis lastatempe – kiel ekzemple la aliaj uralaj etnoj, sed ne nur. Sur la reto oni facile povas trovi informojn pri iuj aŭtonomaj distriktoj kaj respublikoj, kiuj sin prezentas kun flago kaj blazono, preskaŭ kiel sendependaj ŝtatoj.



**Perspektivoj**
Ĉu tia ekflorado kongruas kun la nova ruslanda politiko, estrata de *Putin*? Verŝajne ne. Utiligante la minacon de terorismo – kiu fontas ĉefe el la noĥĉa sendependemo, ties rifuzo kaj la sekvaj militoj – la tutruslanda prezidento severe eklimigis la decidpovojn de la unuopaj teritorioj. Ne-rusoj facile fariĝas suspektatoj, normalaj petoj pri lingvaj kaj kulturaj rajtoj regule provokas histeriajn kriojn flanke de patriotaj rusoj, kiuj pretendas defendi la nedivideblecon de la ruslanda respubliko. Paroli ne-ruse, aspekti ne aparte slavece jam povas esti ĝene en iuj urboj kaj medioj. Kaj la internacia subteno al *Putin*, eĉ mildigita de kritikoj ekzemple pri nerespekto al la homaj rajtoj, malfaciligas la agadon de la minoritatanoj. Tamen tiuj ĉi estas nun sufiĉe bone informitaj pri la progresoj, kiuj okazas en Nordameriko kaj Skandinavio, ĉe etnoj finfine sufiĉe similaj se ne parencaj, kiuj ofte konas samajn vivkondiĉojn. Foje ankaŭ "kuzoj" eksterlandaj akre rigardas al la tiutema rusa politiko. Inter la plej koncernataj troviĝas finnoj kaj hungaroj – ĉi ties plej proksimaj parencoj estas ja la ĥantoj kaj mansoj, kiuj vivas oriente de Uralo kaj provas vigligi la etnan kulturon de sia komuna aŭtonoma distrikto. Kompreneble tiu lukto de malfortaj, malriĉaj, ofte ege disaj popoloj por konservi parton de sia identeco kaj ĝin evoluigi laŭ propra maniero povas preskaŭ nur veki simpation, eble – espereble – ankaŭ en Ruslando, konata ankaŭ kiel lando de unuarangaj intelektaj kaj sciencaj atingoj, eĉ kiam ties politika reĝimo ne aparte brilas humanisme. Nia revuo tre ŝatus ricevi informojn rekte el tiu lando – tutcerte tie estas kapablaj homoj, konvinkitaj same kiel ni, ke helpi al alies minacata identeco estas ankaŭ helpi sin mem. ***A. F.***

---

# Koncize el...

**Etnismo en aliaj gazetoj:** La 15an de marto 2005, la ***Quotidiana***, romanĉligva ĉiutaga gazeto (vidu no 75 p. 13), dediĉis tutan paĝon al ***Etnismo***. La artikolo komencis per prezento de la internacia lingvo, menciante, ke esperantistoj konsideras kiel egalvalorajn ĉiujn kulturojn. IKEL estas prezentata kiel ekzemplo pri konkretigo de tiu respekto al ĉiuj popoloj kaj lingvoj. La artikolo citas la Deklaracion por Etnista Humanismo, kaj priskribas la diversajn artikolojn de la lasta numero de ***Etnismo***.
Maje 2005 la numero 5 de ***Le Savoisien***, savoja monata gazeto, aperigis unuan parton (la dua parto aperos junie) el la franca versio de la intervjuo de *Guiu Sobiela-Caanitz* (Kiel kataluno fariĝas instruisto de la romanĉa en liceo de Malalta Engadino, no 75, p. 12-16).


Le Savoisien
Savoisien aujourd'hui, c'est plus un choix qu'un héritage.
http://lesavoisien.free.fr • N°5 • Mai 2005 • 1,20 €
La Constitution Européenne
Histoire de Samoëns
Guiu Sobiela-Caanitz l'Européen
Entretien 1ère partie
PAGE 8
8 EN LIBERTÉ
Guiu Sobiela-Caanitz l'Européen.
Vous êtes maintenant installé dans les Grisons depuis plusieurs années...

***Le Savoisien*** mencias, ke tiu intervjuo aperis unue en la internacia revuo ***Etnismo***. "*Guiu Sobiela-Caanitz* estas amiko de Savojo ekde pluraj jaroj." ***N. M.***

# Koncize el...

**ASTURIO, Uviéu. Naskiĝis la *Observatoriu de Polìtica llingüìstica*, (Observejo pri Lingva Politiko).** *La Observatoriu de Polìtica Llingüìstica* estas nova civitana platformo kies celo estas priatenti la disvolvigon de la lingva politiko en Asturio (*Asturies*). Aro da personoj el la kultura kaj politika mondo, ne ligitaj al la Astura Registaro sed pretaj kunlabori kun ĝi, pretigis la starigon de la platformo kiu prezentiĝis publike komence de februaro.

La iniciato ekis el personoj kiuj, for de la administracio, pretas jen premi, jen konsili la registaron por ke tiu ĉi disvolvu la projektitan politikon rilate la lingvon.

Laŭ la iniciatintoj la platformon konstituos personoj speciale zorgantaj pri la disvolvigo de la lingva politiko kaj kiuj pretendas esti kiom eble plej pluralaj. Por tiu celo oni klopodos serĉi partoprenon de ampleksa nombro da asocioj.

La platformo kun ties celoj naskiĝas en momento kiu povus esti speciale favora por savo de la minorigitaj lingvoj en la hispana ŝtato. La politikaj kondiĉoj ebligas la reviziadon de la diversaj aŭtonomec-statutoj, kio permesus aldoni plej favorajn klaŭzojn por protekto kaj socia normaligo de la jam oficialaj lingvoj kaj oficialigon de tiuj kiuj ankoraŭ ne estas agnoskitaj tiaj, kazo de la astura.

*Nikolas Xil Carvalho*




**Okazis sukcesa manifestacio en *Uvieù* por la oficialigo de la astura.** *La Conceyu Abiertu pola Oficialida* (Malfermita Asembleo por la Oficialeco) kalkulis je 10.000 la personojn kiuj ĉeestis la manifestacion kunvokitan por la 5a de marto. Celo de tiu manifestacio estis postuli inkludon en la reformdebato pri Aŭtonomec-Statuto de la oficialigo de la astura. Oni konsideris la manifestacion sukcesa kaj anoncis ĝin kiel unua el longa ĉeno dum daŭros la reformdebato. Estis substrekita la graveco de tiu ĉi okazo, kiu povus esti historia por la lingvo.




**La astura lingvo jam havas planon por lingva normaligo.** Kun la titolo "Plano por Socilingvistika Normaligo de la astura" estis aprobita de la Astura Aŭtonoma Registaro tia projekto unuafoje en la historio de la lingvo.

La dokumento pritraktas agadon je ĉiuj registarfakoj kiuj startigos normaligan politikon speciale akcentante pri ĉeesto de la lingvo en amasmedioj kaj en la toponomia kampo. La spirito de tiu ĉi plano estis resumata kiel "bremsilo kontraŭ perdo de asturparolantoj". Ties buĝeto atingos 25 milionojn da eŭroj por trijara periodo. La sesdek-ok aranĝoj de la plano grupiĝas en ses fakoj: registaraj institucioj, eduksistemo, toponimio, amasinformiloj, socia promocio kaj kultura produktado.

*Nikolas Xil Carvalho*

**EŬSKIO. Post la baloto, ĉu la pacprocezo ekos?** Kiam vi legos ĉi tiujn liniojn, ĉu vin jam atingos jesa respondo al tiu demando? Oni ne povas certi, sed, post la aprila baloto pri la parlamento de la Eŭska Autonoma Komunumo, io spiras en la politika etoso de Eŭskio.

Pri la baloto mem ni diru ke ne okazis tre gravaj ŝanĝoj kompare al la antaŭa: la eŭskaj naciistoj atingis 39 parlamentanojn, sed inter ili nur 29 apartenas al la, ĝis nun, reganta modera eŭsknaciista koalicio (antaŭe ĝi posedis 32). La maldekstremaj eŭsknaciistoj atingis 10 parlamentanojn, 9 por EHAK (Komunista Partio de la Eŭskaj Landoj) kun apogo de la leĝe malpermesita *Batasuna*, kaj unu por la nova partio *Aralar*. La hispannaciistoj atingis 33 parlamentanojn entute, same kiel en la antaŭa baloto, sed nun, inverse al la pasinta baloto, la socialistoj ĝuos pri 18 sidlokoj kaj la Popola Partio pri 15. La eta maldekstrema partio *Ezker Batua* (Unuiĝinta Maldekstro), reganta ĝis nun koalicie kun la moderaj eŭskaj naciistoj, denove atingis 3 parlamentanojn. Kion oni povas eltiri de tiu komplika panoramo?

Unue, kurtatempe ne estos facila tasko krei registraron apogitan de la plejmulto de la parlamentanoj (38) pro la ligoj inter EHAK kaj *Batasuna*. Pro tio eblas ke post kelkaj monatoj oni devos ripeti la baloton.

Due, la rezultoj de la baloto obstine samas, vere ne ŝanĝiĝas la kvanto de eŭsknaciistaj kaj hispanaciistaj parlamentanoj.

Aliflanke, jam de unu jaro kaj duono ETA mortigis neniun plu kaj malpliigis draste sian perfortan agadon.

Ĉi tiu triflanka situacio povas favori iun konsenton inter la du menciitaj naciistaj sintenoj - hispana kaj eŭska -, sed ne inkluzivante la dekstreman Popolan Partion, survoje al la solvo de la tiel nomata eŭska konflikto, trovante iun vojon por ke eŭskoj povu decidi pri sia estonteco. Tio signifus ke antaŭ la konsento la pacprocezo devus eki.

Plaĉas al mi esti optimista. Tamen, ĉu vere la paca procezo ekos? Laŭ konata anglalingva kanto, la respondo blovas en la vento, aŭ, laŭ eŭska diraĵo, *geroak erranen* ( la estonteco diros al ni). Almenaŭ ni konservu iom da espero, ĉar la etoso estas nun pli taŭga ol neniam antaŭe.

*Xabier Rico Iturriotz*

**BRETONIO: Rennes/Roazhon: Bretona Kultura Konsilantaro, la 12.05.05.**

Pere de skriba demando al la Ministro pri Internaj Aferoj (03.03.05), Sinjoro *Mélenchon,* senatoro de la departemento de l'*Essonne*, protestis kontraŭ la unuanima rekono, fare de la Regiona Konsilantaro de Bretonio, de la bretona kaj de la galoa kiel bretoniajn lingvojn apud la franca lingvo.

Tamen tiu historia voĉdono ja enskribiĝas en la novaj universalaj orientiĝoj koncerne la pluvivigon de la bretonia lingva riĉeco kaj de ties kreemo tra plurlingvismo. Bretonio reliefigas tiel sian plurflankan identecon kaj sian volon partopreni tutmondan kulturan kaj lingvan diversecon proklamitan same de UNESKO kiel de la agendo 21 pri kulturo, adoptita en Barcelono maje 2004 en la Tutmonda Socia Forumo. La Regiona Konsilantaro de Bretonio inspiriĝas de la politikoj koncerne lingvan diversecon starigitajn en la aliaj landoj de la Eŭropa Konsilantaro, krom Grekio, Turkio kaj Francio. Ĝi ankaŭ inspiriĝas de la objektivoj pri la projektoj de la Eŭropa Konstitucia Traktato, kiu deklaras, ke la Unio respektas la riĉecon de sia kultura kaj lingva diverseco, kaj atentas pri la pluvivigo kaj disvolviĝo de la eŭropa kultura heredaĵo, kaj afirmas la rajton kaj la respekton pri lingva kaj kultura diverseco de la Ĉarto pri la Fundamentaj Rajtoj.

Sinjoro *Mélenchon* montras tiel profundan konverĝecon inter sia rifuzo de la Eŭropa Konstitucio, kiu emfazas toleremon kaj respekton de la kultura kaj lingva diverseco de la civitanoj, kaj sia lukto kontraŭ la regionaj lingvoj, akuzitaj de komunumemo kaj de atenco al la nacia unueco. Nenio mirigas en la fakto, ke tiu unuanima voĉdono de la Regiona Konsilantaro de Bretonio, kiu rekonas la lingvan diversecon de Bretonio, kaj la projekto pri eŭropa konstitucio vekas la saman opozicion flanke de la jakobenaj naciistoj la plej radikalaj. Tamen Francio demokratece, esprimriĉe kaj socikreive plifortiĝus certigante sur sia teritorio respekton pri fundamentaj homaj rajtoj, kiel ili estas fiksitaj en la projekto pri Eŭropa Konstitucio.

***Komuniko el la bretona gazetaragentejo: (agencebretagne.com)***

**FRANCIO: La federacio "Solidaraj Regionoj kaj Popoloj" jesas la projekton pri EU-konstitucia traktato.**

La leganto jam scias, kio okazis, sed kiam skribiĝas tiuj linioj la batalo plu furiozas inter la jesanoj kaj neanoj, kun jam anoncita venko de la duaj. Tamen la federacio *Régions et Peuples Solidaires* decidis engaĝi sin favore al jesa respondo, interalie pro sociaj kaj ankaŭ lingvaj kaj kulturaj kialoj, pli demokrata funkciado de la EU-aj strukturoj, ekzisto de ĉarto pri fundamentaj rajtoj kaj repreno de la koncepto pri subsidiareco. Preskaŭ ĉiuj al la federacio aliĝintaj partioj – tio estas UPA (Alzaco), UDB kaj *Frankiz Breizh* (Bretonio), PNV kaj EA (Eŭskio), *Bloc Català* (Katalunio), PNC (Korsiko), POC (Okcitanio) kaj MRS (Savojo) – favoras tiun projekton, dum ERC (Katalunio) apelacias al nea voĉdonado. Veras, ke por minoritataj, senŝtataj nacioj, tiu traktato ne povas aspekti kiel mirindaĵo, sed pragmate oni devas profiti ties nekontesteblajn antaŭenaĵojn. Por la plej multaj anoj de la federacio unue necesas konstrui fortan domon eŭropan, en kiu oni povos poste perfektigi, kaj eĉ ŝanĝi la ĉambrojn. Iuj ne eraris pri tio: temas pri la francaj naciismaj partioj, kaj aldone la plej "jakobenaj" frakcioj de iuj grandaj partioj, kiuj ĉiuj senescepte troviĝas en la ne-tendaro. Ĉi ties venko la 29-an de majo povus do signifi interalie novan bremsadon al la etnaj liberecoj en lando, kiu postrestas sur tiu kampo same kiel, bedaŭrinde, sur multaj aliaj.

(el rekta partopreno) ***Alain Favre***

**RUSLANDO: Alvoko pri Mareoj**: Ekde la 21a de februaro oni povas subskribi alvokon por subteni la marean popolon. "Dum la lastaj monatoj la estraro de la Respubliko de Mari El nenion faris por ĉesigi la kreskantan diskriminadon kaj agresojn kontraŭ la marea popolo, ŝajnigante, ke ĝi akceptas tiun fakton, eĉ ke ĝi mem instigas tiujn atakojn. Bedaŭrindas, ke la aŭtoritatoj nenion faris por identigi la individuojn, kiuj, komence de tiu monato (februare), fizike agresis Vladimir Kozlov, ĉef-redaktoro de la finn-ugra revuo Kudo+Kodu kaj gvidanto de la asocio Mer Kanash, kaj lin frapadis, vundante lin preskaŭ mortige.

Mareoj estas fama finn-ugra popolo al kiu estis delegita la taskon ĉi-somere organizi la tutmondan finn-ugristan kongreson. Prioritatas do, ke la rusaj aŭtoritatoj en Moskvo same kiel en la Respubliko de Mari El agu por ĉesigi perfortojn kontraŭ la rajtoj de la marea popolo." 9740 subskriboj nun listiĝas, inter kiuj kelkaj de esperantistoj kaj IKEL-anoj. Vi povas aliĝi al tiu listo je la sekva adreso:

<http://www.ugri.info/mari/index.fr.html> ***N. M.***

**Ne Uralo, sed Jenisejo estus la vera limo inter Azio kaj Eŭropo.** Post genetikaj studoj ruslandaj esploristoj opinias, ke siberianoj vivantaj oriente de la riverego Jenisejo parencas aliajn orient-azianojn, dum la aliflankaj pli similas homojn de Eŭropo. Tio ne tro mirigos iujn antropologojn, kiuj ofte insistis pri la parenceco inter uralanoj (finn-ugroj, samojedoj) kaj eŭropanoj. Tamen tiu laŭsezone akva aŭ glacia limo kompreneble estis ofte trairata dum la (pra)historio. Ekzemple samojedoj ŝajnas dividi multajn trajtojn kun la prasiberianoj, interalie la jukagiroj, pli orienta etno bedaŭrinde malaperanta, kies lingvo povus parte fonti el la pra-urala. Tiuj kontaktoj inter uralanoj kaj prasiberianoj estis grandparte ĉesigitaj pro la norden-migrado de altajanoj, unue tunguzoj, poste tjurkoj, kiuj eĉ atingis la arktan oceanon… alportante novajn influojn. Revene al la genetika studo, ankaŭ la stretaj rilatoj evidentigitaj inter orient-siberianoj kaj iuj indianoj de Nordameriko konfirmas malkovraĵojn de alifakaj sciencistoj. Notindas, ke la menciita esplorado okazis sur gena materialo prenita el la Y-kromosomo, kiu transdoniĝas de patro al filo, dum oni ofte uzas mitokondrian DNA, kiu jam troviĝas en la ovola citoplasmo, do venas de la patrino. (el diversaj retaj fontoj)

***Alain Favre***

# Leteroj de Legantoj

Pluraj legantoj skribis al la redaktejo por laŭdi la lastan numeron. Ni dankas ilin pro iliaj kuraĝigaj vortoj kaj pro ilia fido, kaj ni esperas estonte plu meriti tiun fidon. Venis ankaŭ kelkaj kritikoj.Iuj prave atentigis, ke la nomoj de la aŭtoroj ne bone vidiĝis. Kiel vi povas konstati, tion ni korektis, kaj nun oni povas ilin vidi je la komenco de la artikoloj aŭ, por la rubrikoj de Koncize el..., en pli grandaj kaj videblaj karaktroj.
Pluraj kritikoj koncernis la terminojn. Kaj ni scias, ke por etnoj la terminoj samtempe gravas, komplikas kaj vekas senfinajn diskutojn.

**Afrikanero-Afrikanso-Buro**

Koncerne la recenzon: "La afrikaneroj, biografio de popolo" (n-o 75 p.7), Sinjoro *Wolfgang Bohr* el *Bad Neuenahr-Ahrweiler*, Germanio, menciis tion:
"Ĝenas min la nomo "afrikaneroj" por la afrikansparolantaj homoj en suda Afriko. Tio laŭ mi estas nenecesa neologismo kaj anglismo. Kial vi ne nomis ilin - afrikansoj -?. Ĉu en la antaŭaj numeroj de la gazeto, *Moritz* ne uzis tiun nomon por la afrikansparolantoj?"

**Nia respondo:**

Pri la termino "afrikaneroj", kiu fakte ne estas anglismo sed afrikansismo/nederlandismo, via rimarko estas saĝa. La problemo estas, ke en PIV "afrikanso" koncernas la lingvon, kaj "buro" la etnon, tio estas "Nederlanddevena Sud-afrikano". Tio ankaŭ ne estas tute kontentiga. Tial ni decidis respekti la uzon de la aŭtoro.
Ĉar ni konsciis pri la ne tre taŭga termino ni klarigis nian pozicion en piednoto. La propono de nia leganto estas interesa, kvankam ne PIV-a. Ni kutimas uzi la substantivon por la individuo kaj la adjektivon por la lingvo (franco-franca), kial ne: - afrikanso - por la homo kaj - afrikansa - por la lingvo. Mi nenion trovis en pasintaj numeroj pri la uzo de *Uwe Moritz.*

**Inuko-Inuito**

Tiu problemo estas pli tikla. *Daniele Vitali* kaj *Uwe Moritz* protestis: "Surprizetis min la termino "inuitoj", ĉar ĝia radiko - inuit - jam estas pluralo en tiu lingvo, kaj aldono de nia pluralo-signo estas, do, pleonasmo. En tiu lingvo, la singularo havas la radikon - inuk -, kiun oni trovas en la plej multaj numeroj de ***Etnismo***. Mi konscias ke PIV kaj eĉ la "Konciza etimologia vortaro" (UEA, Roterdamo, 2003) de *André Cherpillod* uzas la formon - inuito -, kiun mi konsideras klare erara kaj malbona ekzemplo. Nelogike, *Cherpillod* indikas ke - inuit - estas, en tiu lingvo, la pluralo de - inuk -, kiun li tamen ne prenas kiel bazon por la Esperanto-termino. Nu, probable por la plej multaj homoj tio estas harfendado...", skribis *Uwe Moritz*.
Certe ni ne konsideras tiun proteston kiel "harfendadon", ĉefe ĉar ĝi venas el *Uwe*, la antaŭa redaktoro, kaj la kreanto de ***Etnismo*** kaj el *Daniele*, la prezidanto de **IKEL**, delonge verkanto en ***Etnismo***. Sed ankaŭ ĉar ilia kontesto estas tute racie fondita. En la unua formo de la artikolo pri la inuitoj ni uzis la kutiman radikon de ***Etnismo*** tio estas -inuk-, kaj ni reprenis la klarigojn jam aperintajn en ***Etnismo***. Poste ni tamen inklinis al la internacia kaj PIV-a formo - Inuit -. Al ni ŝajnis ke gramatika elemento en la origina radikalo perdas sian funkcion, kiam ĝi transiras al alia lingvo, kaj tial la pleonasma formo malaperas. Sed certe pri elekto de terminoj la sentoj diverĝas kaj, ĉar iuflanke la tradicio en ***Etnismo*** estas uzi la radikon - inuk -, kaj ĉar aliflanke - inuit - estas PIV-a vorto, ni konsideras, ke ni povos akcepti la du terminojn, kun klarigo por la novaj legantoj, kiuj ne sekvis la debaton.

**Nencoj kaj komeoj**

*Daniele Vitali* rimarkigis erarojn en la artikolo "Ankaŭ poluado kaj petrola ekspluatdo sukcesos detrui Arkton", n-o 75 p. 4, en la ĉapitro pri "Minacataj Popoloj", ni listigis nordpolusajn popolojn kaj skribis: - nenetsoj -, anstataŭ - nencoj -, kaj - komioj - anstataŭ - komeoj -. Kaj vi povas aldone konstati, ke tiuj eraroj ne plu troviĝas en la nuna numero de ***Etnismo***.

Pri terminoj, vidu:
- "Kiel nomi etnojn?", de *Nicolas Rasiĉ, no 57, 1995, p. 17-19*

**Reago al la raporto:**
**Etnismaj eħoj en eŭropa kongreso**
***Xabier Iturriotz***

Plaĉis al mi la raporto de *Nicole Margot* pri la Eŭropa Unia Kongreso en Bilbao. Mi ŝatis ŝian observemon pri la situacio de la eŭska kulturo kaj ŝian komprenon de malsamaj sintenoj - de *Patxi de la Hoz* kaj de mi - rilate al la emo uzi la eŭskan.
Ŝi trafe rimarkis multajn aliajn aferojn, ekzemple la nekompentecon kaj malestimon de la estro de la LKK pri la eŭskaj lingvo kaj kulturo, kaj la surrealisma sinteno pri la vorto Eŭskio. Mi diru ke tiu sinteno kongruas kun tiu de multaj hispannaciistoj ĉar uzi la vorton - Eŭskio - (eŭske: *Euskal Herria*) iamaniere signifas agnoski la ekziston de tiu sepprovinca lando inter Hispanio kaj Francio. Mi povas kompreni ke hispannaciistoj ne emu al la politika unuigo de la lando, sed almenaŭ ili devus agnoski ĝian ekziston lingvan kaj kulturan.
Kurioze *Nicole* rimarkas ke mi ŝatas legi kaj paroli eŭske. Tio estas tiel. Sed, ĉu ŝi farus saman aserton dirante, ekzemple, ke anglo kaj germano ŝatas uzi siajn lingvojn? Evidente tiu aserto oni nur faras kiam oni parolas pri anoj de minorigitaj lingvoj, ĉar unu el la ĉefaj kialoj de la malbona kaj riska situacio de la eŭska kaj de iu ajn minorigita lingvo estas ke multaj el iliaj parolantoj ne ŝatas uzi ĝin, kvankam ili foje diras ke ili ĝin amas.
Trafa observanto estas *Nicole* kiam ŝi rimarkas vizitante librovendejon ke 95 % de la spaco estas por kastiliaj libroj. Certe en Eŭskio mulfoje eŭsklingva kulturo estas kiel guto meze de larĝa kaj vigla hispanlingva oceano. Mi ankaŭ povus paroli pri la sento esti eksterlandano en sia lando, kiam en publika administracio malfacilas uzado de propra lingvo..... sed tio estas eble alia temo.
Mi konsentas kun *Nicole* kiam ŝi diras ke la difino de ETA kiun ŝi trovis sur la retejo de la eŭsklingva ĵurnalo *Berria* estas ege milda. Oni povus skribi ion objektivan post tiu mildaĵo: “pere de sia perforta agado ETA okazigis multajn mortintojn ktp...” Certe la agado de ETA ne helpas laŭ mi kaj laŭ multaj homoj atingi la sendependismajn celojn. Tamen mi ne tro konsentas kun la adjektivo “terorisma” uzata de *Nicole*. Internacia


# -INFORMILO 56

**KUNVOKO DE LA IKEL-MEMBROKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj estas invititaj partopreni en nia membrokunsido, kiu okazos dum la 90-a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (Litovio) fine de julio 2005. Provizora tagordo:

1) Voĉdonado pri la agadraporto koncerne la pasintan estraran periodon
2) Voĉdonado pri la kontoj koncerne 2004
3) Elekto de nova estraro
4) Diskuto pri IKEL, ĝia rolo en la E-movado kaj ĝia estonteco.

**KUNVOKO DE LA IKEL-FAKKUNSIDO**

Ĉiuj IKEL-membroj kaj ĉiuj partoprenantoj en la 90-a Universala Kongreso de Esperanto en Vilno (Litovio) estas invititaj al la IKEL-fakkunsido. Programo: Enkonduka referaĵo pri "La interetna situacio en la ĉebaltamaraj ŝtatoj, Estonio, Litovio, Latvio)". La kontribuo de ĉiuj estas bonvena!

**NOVA TTT-EJO DE IKEL**

La ttt-ejo de **IKEL** renoviĝas. Nun konsultebla je la nova adreso www.geocities.com/ikeldv, ĝi entenas interalie la titolpaĝon de ***Etnismo* 75** (la lasta, kiun vi legis antaŭ tiu ĉi) kaj la tutan enhavon de ***Etnismo* 74**. Post iom da tempo 74 malaperos kaj videblos la tuta enhavo de 75 kaj la titolpaĝo de 76: ĉiam estos enrete unu plena ***Etnismo***-numero, por ke vi povu vidi la efekton de koloraj fotoj kaj, pli ĝenerale, por montri nian interesan gazeton al la tuta esperantista kaj etnista publiko. Helpu nin diskonigi tiun ĉi informon kaj trovi novajn **IKEL**-membrojn kaj ***Etnismo***-abonantojn! ***Daniele Vitali***, prezidanto

## Letero de legantoj (sekvo kaj fino).

Amnistio ankaŭ ne ŝatas ĝin kaj ne uzas. Ne estas klara vorto. Ĉu ne estas teroro en la fondiĝo de (preskaŭ) ĉiuj ŝtatoj? Tiel, ĉu ni devus difini (preskaŭ) ĉiujn ŝtatojn kiel terorismajn? Krome, nuntempe multfoje oni uzas la vorton "terorisma" kiel insulton al agadoj perfortaj aŭ ne, kiujn oni ne ŝatas. Jes, oni povus difini ETA-n kiel "terorisma". Tamen, la vorto perdis sian signifon.

**Nia respondo**:Laŭ PIV terorismo estas "politika reĝimo, uzanta teroron kiel regrimedon". Tiu difino tendencas do konsiderigi terorismon kiel esence ŝtatan, kio apogus la opinion de nia leganto. Ne estas politika reĝimo ETA, nek *Al Kajda*, nek *IRA*… do tiuj grupoj ne estas terorismaj surbaze de la menciita difino, eĉ se ili uzas teroron – tio estas "sisteme kaj laŭordone uzata krueleco kaj terurado", refoje laŭ PIV. Oni povus rebati, ke temas pri tro limigita difino de terorismo, verkita de "sennaciistoj", kiuj emas konsideri la ŝtaton kiel unuarangan malbonon, fonton de multaj malagrablaĵoj – interalie perforto - por la vivo de la unuopa homo. En tiu kazo eblus prezenti, aŭ almenaŭ aldoni alian difinon, ekzemple "sistema uzo de teroro fare de organizita grupo cele al la atingo de politikaj celoj". Sed entute veras, ke tiu vorto, tra la kribrilo de la diversaj propagandoj, akiris multajn signifojn. Ĉu do ne plu uzi ĝin en nia gazeto? Kiel esprimiĝus iu, kiu perdis kruron pro bombeksplodo? Same ni tamen komprenas tiujn kiuj suferis pri ŝtata terorismo. Sed ni ne tro uzu emociajn argumentojn, Eble iuj havas opinion pri tio… *Red.*

---

***Estraro***: **PREZIDANTO:** Daniele VITALI (padiano), 6-12 rue du Fort Wallis, L-2714 Lëtzebuerg/Luxembourg tel: xx 352 48 94 24, retadreso: ikel@uea.org
TTT-ejo: http://www.geocities.com/ikeldv
**VICPREZIDANTO**: Uwe Joachim MORITZ (platdiĉo) Im Römerfeld 44, D-52249 Eschweiler, tel: xx 49 2403 66888
**KASISTINO:** Ursula SCHNELLE-MORITZ (platdiĉino) (Sama adreso kiel supre)
**GEESTRARANOJ:**
Alain FAVRE (savojano), kunredaktoro de ***Etnismo*** Damo de Vi, allée du Quart d'Amo, F-74140 Chens-sur Léman tel: xx 33 450 94 02 08, retadreso: afavre1@hotmail.com
- Acuŝi HOŜIDA (japano) Miyannomori 2-18-18, Tomakomai, 053-0844 Japanio
- Anita PERIĈ ALTHERR (slovenino), via degli Olmi 23, I-Trieste tel: xx 39 40 41 49 16
- Jean THUMERELLE (franco), rue Pierre de Simpel 10 B-7784 Warneton, retadreso: Thumerelle.jc@yucom.be
**REDAKTORINO:**
Nicole Margot (vaŭdanino), ch. des Lys 4, CH-1010 Lausanne Tel xx 21 653 14 67, retadreso: n.margot@bluewin.ch
**SENDOSERVO:**
KATALUNA ESPERANTO-ASOCIO, poŝtkesto 1008, E-08200 Sabadell, Katalunio - Catalunya tel: xx 93 710 96 36, retadreso: kea-kasisto@esperanto-ct.org

## *Kotizoj kaj kontoj:*

| Membreco | eŭroj |
|---|---|
| Normala | 20.00 |
| Subtenanto | 30.00 |
| Rabatita | 10.00 |

La rabatitan membrecon rajtas ĝui ĉiu persono, kiu aŭ loĝas en (eks)socialisma aŭ "triamonda" lando, aŭ estas studento aŭ emerito.

Bonvolu ĝiri vian IKEL-kotizon **ekskluzive** al la konto de IKEL ĉe UEA (kodo: **ikel-y**) aŭ al unu el jenaj konto de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO (Nieuwe Binnenweg 176, NL-3015 BJ Rotterdam):

- BELGA poŝtĝirkonto (pĝk) n-ro **000-1631831-97**
- GERMANA (Köln) pĝk n-ro **318291- 509**
  **BLZ 370 10050 IBAN: DE51370100500318291509 SWIFT PBNKDEFF**
- NEDERLANDA pĝk n-ro **37 89 64**
  **IBAN: NL24PSTB0000378964, SWIFT PSTBNL21**
- SVEDA pĝk n-ro **74374-0**
  **IBAN: SE9595000099604200743740, SWIFT NDEASESS**
- SVISA pĝk 12-2310-0 (Bulle)

Ĉiukaze indiku "ikel-y" kaj la celatan jaron. Bonvolu nepre certigi ke via kompleta kotizo alvenu en la IKEL-konto: IKEL absolute ne povas transpreni kiajn ajn banko- aŭ peradkostojn! *Ursel Schnelle Moritz*, kasistino

•••••••



•••••••

**Informilo pri etnaj problemoj**

La membroj de la **Internacia Komitato por Etnaj Liberecoj (IKEL)** ricevas ***Etnismo***-n sen krompago. Aparta jarabono (normale: 2 aŭ 3 kajeroj de sume 36 paĝoj) kostas 10.00 €. Unuopa ekzemplero de simpla numero kostas 5.00 € (inkluzive afrankon). La artikoloj publicitaj en ***Etnismo*** ne nepre esprimas starpunkton de **IKEL**, se ili ne estas subskribitaj ĝianome. Ĉiuj eroj de la "**IKEL-Informilo**" estas oficialaĵoj. La aŭtoroj ne ricevas honorarion. La redaktoro rezervas al si la rajton ne publikigi, mallongigi kaj lingve korekti kontribuaĵon.